7a Jaro Januaro-Februaro 1921 1-2 N° (71-72)

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto :
FRANS SCHOOFS
45, Kleine Beerstraat, Antwerpen

Abonoj kaj Monsendoj :
FERN. MATHIEUX
15, Avenue Bel-Air, Uccle



## Al niaj novaj kaj malnovaj amikoj

*Karaj Gesamideanoj,*

«BELGA ESPERANTISTO», la nacia revuo de la belga samideanaro, la organo de nia Belga Ligo, reaperas hodiaŭ post silento de pli ol ses jaroj. Se la terura milito ne estus veninta meze de la jaro 1914a aliformigi la tutan teron, «Belga Esperantisto» estus daŭriginta regule sian jam dum sesjaroj ekziston kaj nuntempe la ĵurnalo, per speciala numero, festus sian kupran jubileon.

La tempo ne estas farita por ĝemi pri pasintaj aferoj; viroj esperemaj certe ne forgesas la pasintajon, sed ili precipe atentas la nuntempon kaj la estontecon. Dum la milito, uzado de Esperanto estis malpermesata de la Germanaj okupantaj estroj en nia lando. Kvankam la germana registaro sendis tra tuta mondo sian Esperante redaktitan Bultenon pri la milito, al ni estis malpermesata eldoni Esperantajn ĵurnalojn; la germanaj, aŭstriaj, bulgaraj kaj turkaj Esperantistoj rajtis sendis al Belgujo Esperantajn korespondaĵojn, ni belgoj tamen ni povis respondi al ili nur per germana, franca aŭ flandra lingvo. Stranga logiko! Ĉi ĉio certege tre multe influis la Esperantan vivon en nia lando kaj eĉ en la tuta mondo. Aliflanke, diversaj el niaj plej fervoraj samideanoj forlasis la vivon, ĉu per la milito, ĉu dum la milito. Al ĉiuj forirontoj : nian tutkoran rememorpenson. Aliaj el niaj samideanoj perdis la fidon en la movado mem, tial ke la internacia simpatio, kiu antaŭ la milito unuigis la gevirojn de la plej diversaj landoj, multege suferis pro la militaj okazintaĵoj. Sed, gesamideanoj, ĉi tio estas ĉio foririnta. Ni lasu la pasintaĵon, ni rigardu nur la estontecon, kaj ni rigardu ĝin fide, kun koro entuziasma, kun koro dezirema, kun animo, kiu volas klopodi renovigi la mondon per la amo, per la vero kaj per la belo.

Nia kara patrolando terure suferis de la milito, ankaŭ la belga Es-

perantistaro subpremiĝis treege kaj se estus iomete estinta en la ebleco, jam de la unua tago de la armistico ni estus reaperigintaj nian karan «Belga Esperantisto». Sed presejmalfacileco kaj samtempe plimultekostiĝo de ĉiuj obtektoj kaj de ĉiuj laboroj malhelpis nin en la vojo al restarigo kaj reapero. Tamen ni sciis kaj ni sentis, ke la afero urĝas, ke la belga samideanaro deziras kaj bezonas revivi kaj revivadi.

Ni, kiuj estas Esperantistoj de la unua horo (subskribinto lernis Esperanton en 1896a), ni ne perdis la fidon en la estonteco de nia lingvo kaj de nia movado. Sed ni jam diversfoje aŭdis, ke en diversaj partoj de nia patrolando, en diversaj Esperantistaj mezoj, oni deziris alporti ŝanĝon en la eldonmanieron de «Belga Esperantisto»; oni deziris, ke ĝi estu de nun ne plu privata propraĵo, sed komuna bieno, pri kies bonfarto sin interesos kaj devas sin interesi ĉiuj belgaj samideanoj.

Kaj ni, ĝisnunaj eldonintoj de la belga revuo, kiuj per tiu eldonado serĉis nur unu aferon: progresigi nian movadon kaj utili al la belgaj samideanoj, ni komprenis, ke eble tiu nova farmaniero estos favora al la celo, kiun ni proponis al ni, kaj ni, post iom da interparoloj kaj diskutoj ,interkonsentis kun la estraro de la Belga Ligo.

Kaj jen, BELGA ESPERANTISTO nun reaperas, ne plu kiel privata posedaĵo de du aŭ tri samideanoj, sed kiel komuna bieno de la tuta belga Esperantistaro. La antaŭa administracio - posedanto transdonis ĉiujn rajtojn pri la ĵurnalo al la Belga Ligo.

Gesamideanoj, ni esperas, ke via entrepreno kreskadu kaj floradu.

Kiel vi deziris, tiel okazis; ne estas sen granda sento de bedaŭro kaj de doloro, ke ni, antaŭaj eldonintoj, ni forlasas tiun postenon.

Kiam la unua belga revuo, «Belga Sonorilo», kiu ankaŭ estis privata posedaĵo, forlasis la rektan fundamentan vojon, por sin ĵeti en idistan malertaĵon, kaj se ebe altrudi la tutan belgan esperantistaron al tiu nevivebla sonĝo, tiam, fidplena en la estonteco, mi kunvokis kelkajn kuraĝajn Antverpenajn samideanojn por krei novan fidelan organon. Oni tiam ankaŭ deziris, ke la tuta Antverpena samideanaro pridiskutu la ideon kaj voĉdonu pri ĝi; kaj post du sekvantaj kunsidoj oni tiel kaj tiom diskutis kaj diskutegis, ke la tuta ideo falis... Kaj kelkajn monatojn poste, sentante la urĝan necesecon de belga revuo Zamenhofa,mi alparolis nur kvin el la plej fidelaj Antverpenaj amikoj. Ni interkonsentis pri la efektivigo de la entrepreno. Sed antaŭ ol ni havus la unuan kunvenon, unu el ili jam avertis min, ke, pro diversaj kaŭzoj, estos maleble al li, kunhelpi nin. Ni restis do kvinope, kaj kuraĝe ni komencis la laboron. Jam antaŭ ol la unua numero aperis, ni havis grandajn malfacilaĵojn kun la presisto, tiele, ke ni devis urĝe aliri novan presejon. Tiu presejo fidele, konscience kaj lojale nin servis dum nia ĝisnuna vivo. Post unu jaro da laboro, nin forlasis S-ro Van Laer. Ni restis kavrope. Ĉiuj malnovaj samideanoj sendube rememoras la laboron faritan de «Belga Esperantisto» por la tiel bone sukcesinta Sepa Kongreso Internacia. Ni ne troŝatas tiun aferon, se ni diras, ke la sukceso de la Sepa grandparte dependis de la laborado de «Belga Esperantisto». Kiam kelkaj monatoj post tiu neforgesebla kongreso, nia bedaŭregata amiko Amatus Van der Biest, prezidanto de la Belga

Ligo kaj ĉef-redaktoro de nia revuo, nin forlasis por la eterneco, nia malgranda grupeto konsistis ankoraŭ el tri anoj. Iom post iom unu el la tri, S-ro Champy, pro tromulteco da personaj laboroj kaj zorgoj, ankaŭ estis devigata forlasi la redaktistaron. De tiu tempo S-roj Schoofs kaj Van Schoor konservis solaj la administracion, la redaktadon kaj la monrespondecon de la belga ĵurnalo.

Al ĉiuj kiuj helpis nin per sia kunlaborado, kaj tie ĉi ni ne povas preterlasi tutspeciale citi S-inon M. Elworthy-Posenaer, S-ojn Fr. Swagers, Ad. Finet, D-ron W. Van der Biest, L. Delvaux, Parotte, Honinckx, A. Van de Velde, kaj multajn aliajn en- kaj eksterlandajn amikojn, ni esprimas nian plej koran dankon; al ĉiuj ĝisnunaj abonintoj, al ĉiuj belgaj grupoj, kiuj, are aboniginte siajn membrojn, morale kaj materie subtenis plej efike niajn klopodojn: nian koran dankon. Al ĉiuj, kiuj ion faris por nia revuo, do por nia movado kara; dankon, dankon, dankon!

* * *

Karaj Gesamideanoj! de nun «Belga Esperantisto» ne plus estas nia, sed estas via revuo. Al vi ĉiuj ni do faras varman alvokon, por ke tra la malfacileco de la nuna momento vi favorigu kaj certigu ĝian daŭran vivadon, vi helpu ĝin ĉiumaniere por ke ĝi sukcesu, kaj per ĝi la Esperanta movado tra la tuta mondo kaj speciale en Belgujo.

Kvankam la ĝisnuna estraro ne estas plu la posedanto de la belga revuo, ĝi tamen ne forlasis tute sian kreitaĵon; male, ĝi daŭrigos ĝin helpi per sia kunlaborado materia, morala kaj mona, tial ke nia nura deziro estas, ke Esperanto vivu, vivegu, vivadu kaj ke en nia movado «Belga Esperantisto» estu bela kaj bona revuo.

Je la nomo de «BELGA ESPERANTISTO»
OSCAR VAN SCHOOR.

---

# RAPORTO

## pri la Belga Esperantista Movado dum kaj post la Milito.

*Karaj gelegantoj,*

Vi certe ankoraŭ memoras pri nia bela VIa kongreso en Mehleno, kiu estis tiel bone organizata, kaj pri la vespera festo dum kiu estis ludata la neforgesebla teatraĵo «Bietje»! Kiu estus dirinta, kiam ni adiaŭis promesante baldaŭan revidon ĉe la Xa en Parizo, ke kelkaj semajnoj poste la malbenita milito eksplodus kiel teruriga uragano kaj sin ĵetus sur nian malfeliĉan landon, ĉion detruante, kaj forpelus nin el la vivanta mondo dum pli ol 4 jaroj?

Ne necese estas diri, ke nia belga movado terure suferis pro la milito, kiu preskaŭ mortigis ĝin. Tamen, dank'al la fervoro de kelkaj pioniroj, ĝi ne tute malaperis; en kelkaj urboj la kunvenoj regule daŭ-

ris kaj eĉ kelkaj novaj grupoj fondiĝis! En Gento, malgraŭ la malfacilaĵoj ĉiuspecaj, la loka propagando ne ĉesis kaj donis bonajn fruktojn; fondiĝis la grupo «La Progreso», kiu tre ageme laboris dum kaj post la milito. Sed ni havis la surprizon ekscii, ke nova rondo stariĝis en la lando de Waas kaj ĉefe en St. Nikolao, kie antaŭ la milito oni nenion estis aŭdinta pri Esperanto. Grupoj tie fondiĝis kaj eĉ kongreseto okazis, kiu obtenis grandan sukceson. Tiu bela rezultato estas ŝuldata al la senlacaj klopodoj de nia fervora amiko S-ro De Bosschere el St. Nikolao, kiu nenion ŝparis por divastigi en sia regiono nian karan lingvon. Mi dankas kaj gratulas lin je l'nomo de la belga Esperantistaro kaj esperas, ke li daŭrigos ageme sian fruktodonan agadon.

Aankaŭ en Antverpeno, S-ro Fr. Schoofs organizis dum la milito 3 kursojn.

Sed nia belga agado ne limiĝis je Belgujo; niaj samideanoj, kiuj forlasis la gepatran landon, ĉu en la armeo, ĉu en ekzilo, faris siavice bonan propagandan laboron. Speciale en Harderwyck (Holando) ĉe la internigitaj belgaj soldatoj, montriĝis tre grava Esperanta - movado dank'al la kolpodoj de nia agema amiko Sro. Bonabo el Bruselo. Li varbis al nia ideo multajn novajn anojn kaj post nelonge fondiĝis la grupo: «Espero - Paco - Progreso» kaj la tuta tendaro fariĝis granda Esperanto-vilaĝo! Je sia flanko F-ino Posenaer (nun S-ino Elworthy), kiu rifuĝis kun sia familio en Domburg (insulo Walcheren, Holando), tie sin okupis ankaŭ tre ageme pria nia afero. Ŝi sukcesis interesi al Esperanto la tiean urbestron, kiu metis je ŝia dispono sian manĝoĉambron por organizi Esperantan kurson kiu estis ĉeestata de deko da lernemaj personoj, inter kiuj la urbestro kaj lia edzino. Post la kurso okazis intima kunveno dum kiu la gelernantoj esprimis sian dankemon al la profesorino, donacante al ŝi kelkajn Esperantajn librojn. Intertempe, nia fervora samideanino havis la okazon atentigi nian registaron pri la servoj, kiujn Esperanto povus fari al ĝi por diskonigi la belgajn raportojn pri la milito. Je tiu celo ŝi interrilatis kun la «Bureau Documentaire Belge» kaj kun S-ro Generalo Sebert, kiu direktis specialan Esperantan Komitaton por la traduko en Esperanton de oficialaj dokumentoj. Tiu komitato proponis siajn servojn al la belga registaro, kiu verŝajne ilin uzis. S-ino Elworthy sin okupis ankoraŭ pri diversaj porpatrujaj aferoj kaj fine iris Anglujon, kie ŝi edziniĝis kaj restadis dum du jaroj kaj duono en Torquay, kie ŝi ricevis plej afablan akcepton de tieaj esperantistoj kaj precipe de S-ro P. Sharpe kaj F-ino Wilkes.

Intertempe la belgaj samideanoj, kiuj ekziliĝis Anglujon ankaŭ ne perdis sian tempon. La famo raportis al ni, ke du belgaj kongresoj tie okazis samtempe kun la Britaj! la unua la 22-25an de majo 1915 en Bath kaj la dua la 10-13an de junio 1916 en York, ambaŭ prezididtaj de nia bona amiko D-ro W. Van der Biest. Tro longe estus raporti detale pri tiuj kongresoj kaj pri la belga agado en Angujo; suffiĉas scii, ke estas D-ro Van der Biest, la nelacigebla propagandisto, kiu direktis tiun movadon por diveni kiom interesa kaj fruktodona ĝi estis! Sed io pri kio mi ne povas silenti estas pri la afabla akcepto, kiun faris la

anglaj amikoj al niaj samlandanoj tansmigrintaj Anglujon. Mi ekkaptas la nunan okazon por denove ilin tutkore danki je l'nomo de la Belga Esperantistaro.

En Francujo S-ino Cense ankaŭ faris multajn servojn al la belgaj rifuĝintoj kaj ĉefe al niaj soldatoj, kiuj tiel morale suferis pro la manko de novaĵoj pri siaj familioj. Ŝi ofte ricevis ilin en la «Centra Oficejo» kaj rekuraĝigis ilin per tutkora akcepto kaj per daŭra korespondado ĝis en la tranĉeoj! Mi sincere kaj varme dankas ŝin pro tiuj netakseblaj servoj, kiuj estas nova pruvo de la Esperanta kunfrateco!

Post la milito ni esperis, ke ni tuj povus rekomenci la laboron, sed la malfacilaj vivkondiĉoj kaj la devigo por multaj el ni dediĉi sian tutan tempon al la restarigo de siaj personaj aferoj ne permesis al ni obteni la esperitan rezulaton. Tamen, ni povis konstati, ke en kelkaj urboj la movado sukcese rekomencis. En Bruĝo la agado estis tuj tre vigla dank'al la inteligenta direktado de la prezidantino de la tiea grupo F-ino Thooris, kiu kuraĝe instigis al nova laboro. En Verviers la tiea fervora propagandisto S-ro Pirnay, revivigis la movadon kaj ni povas esperi bonajn rezultatojn de lia senlaca laboro. En Gento kaj ĉirkaŭaĵo la movado baldaŭ revivigis kaj unu el la tieaj grupoj «La Progreso» speciale distingiĝis, ĝi eldonis ĵurnaleton «Nia Folieto», kiu faris bonan laboron atendante la reaperon le nia nacia organo.

Sed la ĉefa okazintaĵo estas certe la kongreso en St. Gillis, kiu tiel brile sukcesis! Mi ne kaŝos al vi, ke estis malfacila kaj tre grava afero por la Ligestraro ĝin okazigi.Efektive, de la sukceso de la kongreso devus dependi la restarigo de nia belga movado; estis do tre delikata afero kaj ni devis agi tre prudente. Ni devis elekti urbon, kie la kongreso povus esti utila al la propagando kaj samtempe facile alveturebla por la kongresanoj, ĉar ni devis atenti pri la nunaj malfacilaj vivkondiĉoj. Tial nian preferon altiris la ĉefurbo. Sed ne sufiĉis elekti kongreslokon, ni devis ankaŭ trovi kongres-organizontojn. Feliĉe tiu tasko ne estis malfacila; sindonemaj geamikoj respondis al nia alvoko.

Mi ne scias, ĉu multaj el vi bone imagas kiom da laboro, kiom da penoj, kiom da malfacilaĵoj postulis la organizado de nia unua postmilita kongreso ? Nu, tiu granda laboro, tiuj ĝenoj, tiuj malfacilaĵoj ĉiuspecaj estis mejstre plenumitaj kaj kuraĝe venkitaj de la organizintino F-ino Jennen. Mi senĉese interrilatis kun ŝi kaj povis konstati kun kia inteligenteco, kun kia ordemo ŝi organizis kaj plenumis sian malfacilan entreprenon. Mi ne volas ofendi ŝian modestecon per pliaj laŭdoj, mi lasas tiujn, kiuj ĉeestis la kongreson juĝi pri la sukceso de ĝia organizado. F-ino Jennen ne nur sukcesis rezervigi al ni belegan kunvenejon, ŝi ne nur interesigis al nia afero la St. Gillis'ajn aŭtoritatulojn, kiuj tiel afable oficiale akceptis nin, sed ŝi sukcesis organizi, kun la helpo de nia amiko Pirnay, Esperantan ekspozicion en unu el la ĉefaj lernejoj de Bruselo kaj tiamaniere altiri sur nian movadon la atenton de la publiko kaj ĉefe de la instruante rondo. Profundan kaj tutkoran dankon ni esprimas al F-ino Jennen kaj al ŝiaj kunlaborantoj, inter kiuj nia bona amiko Mathieux, kiu akceptis la delikatan postenon de kasisto de la kongreso.

Krom la reorganizado de nia movado aliaj gravaj problemoj devis ankoraŭ esti solvataj, inter kiuj la reapero de « Belga Esperantisto » Eldoni ĵurnalon ne estas nuntempe afero facile solvebla; tamen, post multaj malfacilaĵoj, kiuj estas venkitaj, grandparte dank-al la klopodoj de nia agema samideano Frans Schoofs, ni fine sukcesis reaperigi ĝin kaj ni estas felĉaj povi, per nia nova organo prezenti al vi niajn plej sincerajn novjarajn bondezirojn

Sed, se la Ligestraro sugcesis reaperigi la ĵurnalon, estas nu le devo de la belga Esperantistaro ĝin vivigi; la plej bona maniero estas, ke ĉiu samideano ĝin abonu. Tiurilate, la grupoj havas tre gravan moralan respondecon kaj ni ne dubas, ke iliaj direktantoj faros ĉion eblan por havigi multajn abonojn. Alia bona rimedo por subteni la ĵurnalon estas la anoncoj; mi faras varman alvokon al ĉiu samideano,por ke li havigu almenaŭ unu: «Unueco donas fortecon»; ni do kunigu niajn fortojn kaj la regula kaj longdaŭra apero de nia nacia gazeto estos certa! Ĉiuj al la laboro kun kuraĝo kaj espero!

Al tiuj, kiuj ankoraŭ dubus pri la vivemo de Esperanto mi diros: «Rigardu ĉirkaŭ vi kaj memoru pri la, dum kvin jaroj, okazintaĵoj: la terura milito forpelis nin ĉiuflanken, haltigante preskaŭ ĉie nian pacan bataladon, kaj, kvazaŭ tio ne sufiĉis, seninterrompe ni perdis niajn plej bonajn gvidantojn : nia karmemora Majstro, Boirac, Mudie, tiom da aliaj, kaj fine Hodler ! Post tiuj teruraj batoj ĉu nia afero mortis ? Ĉu eĉ ĝi estas mortanta? Ne! Ni do ne rajtas malesperi, ni do ne rajtas dubi pri la fina sukceso. Rigardu ĉirkaŭ vi, mi rediras; ĉiuflanke la laboro plej sukcese rekomenciĝas; el ĉiu flanko alvenas al ni plej kuraĝigaj novaĵoj, estas do nia devo ankaŭ ageme kaj malavare helpi al la sukceso de la komuna entrepreno.

Ni montru nin indaj je la bela idealo, por kiu ni batalas, ni montru nin indaj je nia kara Majstro, kiu suferis pro sia homama geniaĵo!

Ĉiuj do al la laboro kaj baldaŭ ni venkos!

VIVU ESPERANTO !

1an de Januaro 1921. HENRI PETIAU.

# Generalo Leman

Jam de sia unua numero B. E. plenumas la malĝojigan taskon glori kaj, je l'lasta fojo, saluti unu el plej eminentaj amikoj de kaj batalantoj por la L. I.: Generalon LEMAN, la gloran defendinton de Lieĝo, kiu estis akceptinta, dum Aŭgusto lasta, la Honoran Prezidantecon de la Belga Ligo Esperantista, donante per tiu afabla akcepto moralan apogon tre grandan kaj fruktodonan al la klopodoj de nia nacia Ligo.

Gerard-Mathieu LEMAN, filo de Artileria-Kapitano, naskiĝis la 8an de Januaro 1851. Post brilaj studadoj sciencaj kaj militartaj li fariĝis profesoro kaj poste, direktoro de la Militista Lernejo. Pli malfrue, li estis nomita estro de la loko Lieĝo kaj okupis tiun funkcion kiam

la mondmilito eksplodis. Ĉiuj konas lian mirindan kaj kuraĝegan konduton dum la unuaj tagoj de la monda katastrofo. Se ĝi fuŝis lian bonfarton kaj kondukigis lin en kaptitecon, Germanujon, ĝi fuŝis la tutan militon kaj estis la malproksima prakaŭzo de la venko de l'Civilizitaj Nacioj.

La letero kiun li skribis, post la falo de Lieĝo, al sia Reĝo, estas ankaŭ fama; laŭ ordono de la Ministro de la Sciencoj kaj Artoj, ĝi estis legata, la tagon de la enterigo de l'Belga Heroo, en ĉiuj Belgaj lernejoj. La malamiko mem devis konfesi la altan valoron de l'Defendinto de Lieĝo: li permesis, ke la Generalo konservu sian glavon, kaj liberigis lin eĉ antaŭ la fino de la milito.

Generalo LEMAN iris al La Havro. La 22an de Novembro 1918 li partoprenis en la solena eniro de la Gereĝoj en Bruselo. De post la milithalto li loĝis jen en Lieĝo, jen en Spa. Post tritaga pneŭmonio la morto forrabis lin la dimanĉon, 17an de Oktobro 1920 kaj lia solena kaj nacia enterigo okazis la jaŭdon 21an de Oktobro, en Bruselo. Li ripozas en la tombejo de Ixelles.

* * *

Generalo LEMAN, diversfoje ordenita, kaj honorita de grafa nobeliĝo, de Reĝo Alberto, estis klerega viro. Sian tutan vivon li dediĉis al studado; ofte li studis dum parto de la nokto! Neniu scienco estis nekonataĵo por li, kaj li diris kun la antikva filozofo «Homo sum et nehil humanum a me alienum puto». Ne estis do mirinde ke la ideo pri L. I. devis trafi lian spiriton kaj lin igi favorulo kaj fervorulo por ĝi.

Al li estis dankinde ke en 1907, Belgujo sendis leŭtenanton Maurice CARDINAL kiel oficialan delegiton al la Internacia Kongreso Esperantista en Cambridge. En la komenco de 1908 li organizis paroladojn pri Esperanto kaj kursojn en la Lernejo de Aplikado (artilerio kaj inĝenierarto). De tiu momento li fariĝis Honora Membro de la Belga Ligo, kies Honoran prezidantecon li akceptis tri monatojn antaŭ sia morto. Lastatempe li ankaŭ defendis la ideon de L. I. skribe.

La foriro de tiu glora Civitano estas funebro ne nur por Belgujo, sed ankaŭ por la Esperantistaro de l'Mondo.

B. E. prezentas siajn profundajn kondolencojn al la familio de l'glora Mortinto.

L. COGEN.

# La 9a Belga Kongreso Esperantista

(ST. GILLES — 23-24an DE MAJO 1920.)

...... Sukceso neatendita! ......

Jen per du vortoj la ĝenerala impreso kiun ni tuj de la komenco eksentis: krom la fremdaj gesamideanoj, kiuj honoris nian kongreson per sia ĉeesto, la Belgaj geesperantistoj estis ankaŭ multnombre kunvenintaj! Je kelkaj momentoj dum interparolado de Anglaj, Francaj, Nederlandaj kaj Belgaj gesamcelanoj ni ŝajne ĉeestis internacietan kongres-

on ! Kaj la vetero do ! Ankaŭ ĝi kunfestis, kaj dum la kongrestagoj daŭre radie kaj ridante brilis super ni!

De la Norda stacidomo de Bruselo ni direktiĝis sekvantare al la kunvenejo: la malnova urbdomo de St. Gilles.

S-ro Cogen anstataŭis kiel prezidanto S-ron Witteryck, malhelpatan; kaj malfermis la kongreson. Li rememoris pri la progresoj faritaj de Esperanto ĉiuflanke; ankaŭ li rememoris respekte niajn kunbatalintojn mortintajn, komencante per kelkaj speciale kortuŝaj vortoj pri nia Majstro D-ro Zamenhof.

Interesaj raportoj estis legataj de la sekretario kaj de la kasisto de la Ligo Belga. Frato Ludoviko, estro de la Woluwa Blindulgrupo : «Lumo en Mano», interesigis la aŭskultantaron je la sorto de la malfeliĉaj senviduloj, kaj legis skizon pri la Esperantomovado inter tiuj kompatindaj samideanoj.

Agrabla surprizo ĝojigis nin ĉiujn: S-ro Paul Otlet, ĝenerala sekretario de la «Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj», pligravigis la intereson de nia kongreso per sia honoriga ĉeesto, kaj esprimis sian plenan simpation al nia afero!

Je tagmezo la kongresanaro aliris sekvantare la belegan urbdomon de St. Gillis, kie S-ro Bernier, skabeno de publika instruado, akceptis nin oficiale je la nomo de la St. Gillis' a urbestraro.

Li deziris plenan sukceson al niu unua postmilita kongreso, kaj konstatis, ke la vivo de Esperanto estas fakto ne neigebla, ke male ĝi progresas daŭre pli kaj pli, kaj ke la momento venis por enkonduki Esperanton en la oficialaj lernejoj. Plie li deklaris esti ema por proponi la provon ĉe la urbaj lernejoj de St. Gilles kaj fari ĉion eblan por ĝin sukcesigi. Rememorigu ni ankaŭ ke jam de kelkaj jaroj oficialaj Esperantokursoj okazas sub la aŭspicoj de la Federacio Postlerneja de tiu urbeto, fama pro ĝiaj iniciatoj sur la pedagogia kampo .

S-ro Cogen, kongresprezidanto, esprimis al S-ro Bernier la sinceran dankon de ni ĉiuj, pro la tre afabla akcepto, kiun ni ĝuis.

S-ro Paul Otlet poste, alparolis la kongresanaron, kaj, je la nomo de la Unuiĝo de la Internaciaj Organizaĵoj, anoncis ke katedroj por la studado de Esperanto kaj aliaj sciencoj pere de Esperanto estos kreataj ĉe la Internacia Universitato, fondota en Bruselo dum venonta Septembro, okaze de la Internacia Semajnoduo, kiu okazos en nia ĉefurbo. Kaj jen dua, grava fakto!

Post tiu neforgesebla akcepto, ni vizitis, mirigitaj, la belegan urbdomon de St. Gilles, sub la lerta gvidado de S-ro Bernier. Kiajn riĉaĵojn, kiajn artaĵojn tiu konstruaĵo enhavas! La urbestraro bone komprenis ke artoj estas kuraĝigotaj, kiel parto de la progreso.

Kaj sub la protekto (... kontraŭ la sunradioj...) de tiu impona urbdomo, ni grupiĝis por fotografado.

Kaj nun ni rapidu al la festeno!

Ĝi okazis en la bela ĉambrego de la restoracio St. Jean. Ĉeestis sesdeko da gesamideanoj. S-ro Cogen elparolis la unuan toaston al la Reĝo kaj al la gereĝa Familio kaj proponis la sendon de la jena telegramo:

« A Sa Majesté Albert, Roi des Belges,

» Sire, les Esperantistes belges, auxquels se sont joints quelques » amis étrangers, français, anglais et hollandais, réunis en Congrès à » St. Gilles-lez-Bruxelles, pour la première fois depuis le retour de la » Paix, reconnaissants de la faveur que votre Majesté a témoignée déjà » au mouvement espérantiste à diverses reprises, viennent d'acclamer » un toast glorifiant V. M., vivante incarnation de courage et de fierté » patriotique, S. M. la Reine Elisabeth, la bonne fée de nos héros bles- » sés et la Famille Royale.

» Ils souhaitent à Vos Majestés et à la Famille Royale, un règne » long et prospère, pour le bonheur de la chère patrie belge.

» Le Président: L. COGEN. »

Poste toastis S-ro Petiau al S-ro Witteryck (kun sendo de telegramo), S-ro Mathieux al la fremdaj gesamideanoj, S-ro Boutwood al la Belgoj, S-ro Maertens al la Samideaninoj, F-ino Thooris, al la samideanoj; S-ino Cense eldiris toaston al la Belgaj samideanoj mortintaj sur la batalkampoj kaj donis kelkajn klarigojn pri ili. S-ro Mathieux legis diversajn telegramojn (i. a. unu de S-ro Witteryck) kaj leterojn.

Al la Ekspozico : organizita en la Normala lernejo (bulvardo Lemonnier), de S-ro Direktoro Jonckeere. Ĝi ebligis al la vizitantoj konvinkiĝi pri la utileco, la divastiĝo kaj la neceseco de Esperanto.

Gravaj dokumentoj ĉiuspecaj estis orde kunigitaj.

Interesa kolekto da komercaj reklamiloj, leteroj pri komercaj traktadoj k. t. p. evidentigis la valoron de Esperanto kiel komerca helpilo. Nombra aro da gazetoj dece montras la nunan jam kontentigan staton de la movado. Pliaj dokumentoj pri turismo, kolektado, propagando, kaj specialaj dokumentoj pri Esperantismo, pruvas la eniron de Esperanto en ĉiuj fakoj de la homa klerigo.

Por fini tiun unuan plenplenan tagon, okazis arta festo, dum kiu estis ludataj drama skizo «Devo de Reĝo», muzikaĵoj, kantaĵoj. Tiu programo estis organizita de la Klubo «La Progreso» el Gento. S-ro Mathieux faris interesan paroladon pri la milito, ilustrita per lumbildoj.

Post bonfara ripozo, la laboro estis kuraĝe daŭrigata lundon matene.

---

Al Lia Moŝto Albert, Reĝo de la Belgoj,

Via Moŝto, La Esperantistoj belgaj, al kiuj kuniĝis kelkaj fremdlandaj geamikoj francaj, anglaj, kaj holandaj, kunvenintaj en kongreso en St. Gillis apud Bruxelles, je la unua fojo de post la repaciĝo, dankemaj pri la favoro kiun Via Moŝto jam montris je diversaj okazoj al la Esperantista movado, ĵus aplaŭdis toaston glorigantan Vian Moŝton, vivan enkarniĝon de kuraĝo kaj patrolanda fiereco, ŝian Moŝton la Reĝinon Elisabeth, la bonfaran feinon de niaj herooj vunditaj, kaj la Reĝan Familion.

Ili deziras al Viaj Moŝstoj kaj al Reĝa Familio, regnon longan kaj feliĉigan, por la bono de nia kara belga patrujo.

La Prezidanto: L. COGEN.

Post fakaj kunsidoj, ni iris al la Internacia Muzeo de la «Cinquantenaire», organizita je la 50a datreveno de la Belga Sendependeco. Kun ĝojo ni akceptis la afablan inviton de S-ro Otlet, kiu persone nin gvidadis tra tiu tute reorganizota Muzeo. Salonoj kaj salonegoj ricevos novan destinon: diversaj estos dediĉitaj al la jam citita Internacia Universitato. Iu salonego utilos al ĉiuspecaj internaciaj kongresoj kaj... «Jen kie okazos la venonta kongreso de Esperanto»... rimarkigis al ni S-ro Otlet.

Vere interesa estas vizito al la verdira «Internacia Muzeo». Tie estas klasigitaj, laŭ ĝustegaj principoj, granda nombro da dokumentoj pri la internacia vivo de la homa spirito je diversaj vidpunktoj: lingvo kaj skribo, komunikaj rimedoj, ĉio riĉe klarigita per statistikaj aŭ diagramaj tabeloj. Ĉambro kie tiamaniere estas reprezentata la lukto de pacifismo kontraŭ militarismo, enhavas kulpigajn diagramojn, kontraŭ militarismo hommanĝanta!

Ĉi tie ni volas atentigi pli speciale pri la Esperanto-sekcio de la Internacia Muzeo: ĉiam per diagramoj, tabeloj, fotografaĵoj kaj realaj dokumentoj estas montrata la historio de la Internacia helplingvomovado. La progesoj, la venkoj de Esperanto tie vidiĝas. Ni ne povas ne noti, ke ĉio en tiu Muzeo estas ordigata laŭ la fama, valorega decimala klasifiko. S-ro Otlet estas tre granda kompetentulo pri tiu scienca klasifiko, kaj li dediĉis al ĝi pli ol dudekkvin jarojn el sia vivo.

Ni ankaŭ devas atentigi ke, kvankam la Esperantofako ja estas interesa, ĝi povas kaj devas fariĝi pli interesa per ĉies kunlaborado, ĉar ... pro la milito, ĝia enhavo ne pligrandiĝis.

Kaj la lasta posttagmezo de nia plensukcesa unua postmilita kongreso estis egrable pasigita per ekskurso al Tervueren, kie, post vizito al la tiea muzeo, ni ripozis iomete en la freŝa, viviga aero de la parkego, kie S-oj Petiau kaj Piens alparolis la gepromenantojn por rekomendi Esperanton, kaj ne sen sukceso.

Unuvorte la vojaĝo al... Esperantujo nin kuraĝigis je nova laboro por la efektivigo de la praktika uzado de Esperanto, kiun certe ni atingos.

EL «NIA FOLIETO».

---

# Belga Kroniko

Ni insiste petas, ke la grupoj difinu unu el siaj geanoj por sendi, **antaŭ la 10a de ĉiu monato**, al la Generala Sekretario de la Ligo S-ro Henri Petiau, 60, St. Lievenslaan, Gent, - Gand, Boulevard St. Lievin, 60, raporteton pri la movado en sia regiono.

De diversaj flankoj ni ricevas kuraĝigajn informojn pri nia movado, kiu pli kaj pli restariĝas.

ANTVERPENO. — Dank'al la klopodoj S-ro Frans Schoofs, la movado en Antverpeno vigle revivas. Li gvidas kursojn ĉeestatajn de 100

gelernantojn, ĉiuj abonantoj de B. E. En tiu instrulaboro lin efike helpas S-ro M. De Ketelaere. «Verda Stelo» la grupo prezidata de S-ro Schoofs, realiĝis al «Belga Ligo» kaj kiel antaŭe estas unu el la plej viglaj grupoj el Belgujo.

La Postlerneja Societo de la 5a kaj 10a Sekcioj organizis kurzon por 30 knaboj, gvidatan de S-ro Schoofs.

En la societo «Onze Meisjes» S-ro Jaumotte gvidas kurson por 12 fraŭlinoj.

La 24an de Januaro la Antverpeno Ligo de Diamantistoj invitis S-ron Schoofs, por fari paroladon pri Esperanto. Post ĝi grupo estis fondata kaj organizo de kurso decidata. Tiun kurson nun gvidas S-ro Swalf.

SUDA LUMO. — Siavice, S-ro Jacobs laboras ageme. Li restarigis sian grupon kaj propagandas inter la instruistoj por kiuj li malfermis kurson ĉeestata de ĉirkaŭ 30 lernantoj.

ANTVERPENA ESPERANTISTA GRUPO. — La gvidantoj de tiu grupo klopodas por restarigi ĝin. Ni esperu ke ili baldaŭ sukcesos.

BRUGO. — F-ino Yvonne Thooris, la agema prezidantino de la tiea grupo, daŭrigas senlace siajn klopodojn dank'al kiuj la movado pli kaj pli progresas en ŝia urbo. Kurso gvidata de S-ro Dervaux — ankaŭ fervorulo — bone sukcesas.

BRUSELO. — F-ino Jennen, la nelacigebla propagandistino,jam sukcesis antaŭ la milito akceptigi Esperanton en la programon de la liberaj kursoj oficiale organizitaj de la komunumo St. Gilles. Nuntempe okazas tie kurso sekvata de multaj lernantoj.

Komitata kunveno de la «Belga Ligo Esperantista» okazis la 9an de januaro. Ĉiuj grupoj estis riprezentataj krom tiu de St. Nikolao pro malsano de S-ro De Bosschere. La raportoj de la delegitoj montras,ke la movado ĉie pli kaj pli reviviĝas.

ESPERANTO-TAGO. — La Bruselaj amikoj organizis por dimanĉo 30an de januaro Esperanto - Tagon, kiu obtenis tre grandan sukceson. Kvindeko da Antverpenaj amikoj gvidataj de S-ro Schoofs ĉeestis kaj ankaŭ S-ro Cogen, Vicprezidanto de la Ligo kaj S-ro Baesens el Mehleno. Kun ili pli ol 200 personoj ne esperantistaj respondis al la alvoko de la organizantoj kaj je la deka matene vizitis la Internacian Muzeon gvidataj de S-roj Senatano La Fontaine kaj Otlet,kiuj ne preterlasis la okazon montri favoron al nia afero. S-ro La Fontaine longe parolis pri la rolo de Esperanto ĉe la Ligo de la nacioj, kiu certe akceptos nian lingvon, li ne dubas pri tio.

Posttagmeze festo okazis en la sidejo de la «Fédération Postscolaire». S-ro Bernier, la eminenta Skabeno de St. Gilles, kiu tiel afable akceptis nin oficiale dum la lasta kongreso, honoris la feston per sia ĉeesto. La publiko estis tiel multnombra, ke la salonego ne estis sufiĉe granda kaj la festo devis okazi dufoje por kontentigi ĉiujn, kiuj ne povis eniri. Estas esperinde, ke tiu Esperanto-Tago incitos niajn Bruselajn samideanojn al viglemo kaj skuos la indiferentecon de la forestintoj.

GENTO. — La movado en Gento fariĝas tre vigla. La 14an novembro okazis ekzameno pri Profesora kapableco, kiun ĉeestis 15 kandi-

datoj, bone sukcesintaj ĉiuj. Honorigan citon meritas la grupo «La Progreso» kiu prezentis 9 gekandidatojn. Tiu grupo malfermis, novan kurson en urba lernejo.

GENTA GRUPO ESPERANTISTA. — Post preskaŭ du jaroj da silento tiu grupo retrovis sian antaŭan agemon. Dank'al la klopodoj de S-ro Albert Maertens, Honora Prezidanto, ĝi sukcesis obteni la grandan favoron organizi siajn kursojn en la Universitato. Jen nova fakto, kiu pruvas, ke pli kaj pli oni konsideras Esperanton kiel seriozan aferon.

Laŭ la konsiloj de S-ro Vandevelde, ĉefinĝeniero ĉe la ŝtataj fervojoj, — tre lerta kaj fervora rekruto, — la G. G. E. starigis specialan poresperantan organismon sub la nomo « Société Gantoise pour l'expansion des Relations Mondiales». Tiu nova societo organizis du paroladojn faritajn de S-ro Vandevelde en la Universitato; la unua pri la Internacia du - semajno en Bruselo kaj la rimedoj por plificiligi la internaciajn interrilatoj; la dua pri: Rimedo facila, pratika kaj rapida por tutmonda korespondado. Tiuj du paroladoj estis ĉeestataj de pli ol 200 personoj inter kiuj Universitataj profesoroj, multaj inĝenieroj kaj teknikistoj, industriistoj studentoj k. t. p. Novaj semoj estis disĵetitaj en tre favoran rondon, kiu certe donos bonan rikolton.

Post tiuj paroladoj S-ro Vandevelde malfermis kurson, kiu estas sekvata de multaj lertaj gelernantoj, al kiuj Esperanto estas instruata per rapida metodo, kiu tre agrabligas la lernadon de nia lingvo. Jen unuaj sukcesoj, kiuj multe promesas por la estonteco.

LEDEBERG. — S-ro L. Varendonck, intruisto, sukcesis akceptigi de la tiea komunuma estraro ke Esperanto-kurso estu oficiale organizata.

Tiu kurso okazas ĉiudimanĉe en komunuma lernejo kaj estas subvenciata oficiale. Gratulojn al nia agema propagandisto Varendock.

MECHELEN. — La 28an de decembro S-ro A. Baessens komencis kurson kun 15 lernantoj.

ST. NICOLAAS - WAAS. — S-ro De Bosschere ageme propagandas en sia regiono kaj malfermis kurson. Lernantoj kunvenas en lia domo trifoje ĉiusemajne.

VERVIERS. — S-ro Komandanto Raulier, nova kaj tre agema propogandisto en Liége, faris poresperantan paroladon en la Popola Universitato. Ĝi tre bone sukcesis kaj la ĉeestantaro, unuanime, voĉdonis deziresprimon sendotan al la Ministro de la publika instuado por ke Esperanto estu enkondukata en la lernejojn. Post tiu parolado S-ro Pirnay malfermis kurson por dudeko da lernantoj.

LIEGE. — Tre agrablajn kaj kuraĝigajn novaĵojn ni ricevis el Liége. Antaŭ kelka tempo tie fondiĝis tre agema grupo, kies kursoj okazas en la Universitato kaj havas multajn lernantojn. Ili estas gvidataj de Komandanto Raulier, tre lerta samideano, kiu esperantiĝis dum la milito. La tiea nova grupo ĵus informis nin, ke ĝi akceptas organizi en Liége la proksiman kongreson, kiu okazos dum la du Pentekostaj festotagoj, kaj ĝi proponis tre allogan programon, kiun ni montras aliloke.

La fakto, ke tiu nova grupo «Liege'a Ago» (karakteriza nomo!) akceptis la organizadon de la kongreso, montras la agemon kaj la memfidon de ĝiaj gvidantoj, al kiuj ni deziras plej bonajn sukcesojn kaj plej koran bonvenon en niajn rangojn. H. P.

* * *

EN LA LOKA GAZETARO aperis artikoloj favoraj al nia lingvo kaj movado, i. a. en jenaj ĵurnaloj: Le Matin, La Métropole, De Gazet van Antverpena Societo de Instruistoj «Ons Woord», kiu malfermis Espemanbewerker (Antwerpen); De Volksbode van 't Land van Waas (St. Niklaas); Le Guide du Voyageur (Verviers); Le Sincériste (Waltwilder); De Gazet van Mechelen. Ni tute speciale citu ĉi tie la revuon de la Antverpena Societo de Instruistoj«Ons Woord», kiu malfermis Esperantan rubrikon en kaj pri nia lingvo. Tiun rezultaton ni precipe dankas al la klopodoj de nia samideano Jan Jacobs.

---

## REZULTATO de la ekzameno pri profesora kapableco okazinta en Gento la 14an de novembro 1920

JUĜANTARO: F-ino Jennen, el Bruselo; S-ro Maertens, el Gento; kaj S-ro Delvaux, el Charleroi.

14 gelernantoj partoprenis.

La gekandidatoj laboris sub la kontrolo de S-ro Petiau por la skriba parto, dum kiu okazas la parola.

Ĉiuj gekandidatoj sukcesis laŭ la jena ordo:

1. S-ro Cogen, 75 poentoj; 1. S-ro Vandevelde, 75 p.; 3. S-ro De Bosschere, 72 p.; 4. S-ro Wewer, 68 p.; 5. S-ro Somerling 67 p.; 6. F-ino De Moor, 66 p.; 7. S-ro Hendricx, 65 p.; 8. S-ro Groverman, 64 p.; 9. F-ino Doutreligne, 63 p.; 10. F-ino De Pycke, 61 p.; 10. F-ino Terryn, 61 p.; 12. F-ino Soete, 57 p.; 13. F-ino Colyn, 57 p.; 14. S-ro Van Hove, 54 p.

---

LITERATURO:

# Koko kaj Ĉirip

Koko ne estis tiu malhumila reĝo de la kokejo, kiu, elstarigante sian ruĝan kreston, promenas fierege meze de sia kokinaro kiel sultano en sia haremo, aŭ kiu per sia frumatena kanto levigas la sunon.

Ne! Koko estis malfeliĉa sepjara knabeto, lastanaskito de multnombra familio, kiun de kelkaj monatoj neresanigebla malsano kuŝigis en lian liton, kaj kiun jam ne longe atendos la morto.

Lia nomo estis Paŭlo, sed liaj gepatroj, liaj gefratoj neniam nomis lin alie ol «koko mia», «koketo nia».

* * *

Ĉirip estis alia kelktaga sed plumhava malfeliĉulo. Ĝi apartenis al tiu speco de paseroj, loĝantoj de niaj tegmentoj, eble la plej komuna, sed tiel brua, gaja kaj petola kiel stratoj buboj, forfluganta nur kiam la piedo de l'preteriranto estos ĝin tuj premegonta.

Ĝi ankaŭ estis **rakulo** (1). Sed, kiam ĝi volis forlasi la familian neston kun la gepatroj kaj la tuta idaro, ĝiaj malfortaj kaj mallertaj flugiletoj ne povis ĝin subteni, kaj ĝi falis en la ĝardenon, kie frato de Koko ĝin matene trovis.

* * *

Jam de kelkaj tagoj, Koko pli kaj pli malfortiĝis, kaj la kuracisto estis devigita sciigi la gepatrojn, ke ĉiu espero estas forlasota, kaj eĉ ke tre proksimiĝas la fatala momento.

La maldikuleto manĝis kaj trinkis eĉ ne sufiĉe por nutri birdeton, kaj restis al li apenaŭ forton por tuseti. Jam la trajtoj de lia vizaĝo senmoviĝis kaj nenia rideto aperis sur liaj lipoj. La lasta flameto de vivo ŝajnis esti rifuĝinta en liajn grandajn okulojn, kiuj rigardis la gepatrojn kvazaŭ demandante pri ilia malĝojo.

Tamen, kiam lia frato alportis en lian ĉambron la flugilhavan forlasiton, la malsanuleto interesiĝis je tiu alia mizera estaĵeto kaj, por la unua fojo de l'antaŭa tago, lia malfortigita voĉo reaŭdiĝis:

— Donu al li por manĝi; li murmuris apenaŭ aŭdeble.

Kaj li turnis sin sur sia lito por rigardi atente sion novan amikon. Sed la birdeto obstine fermis sian bekon, kaj rifuzis la malsekigitan panon, kiun oni prezentis al ĝi kiel nutraĵon.

— Kiam S-ro doktoro... venos, diris la infano, li ĝin flegos... kiel min... kaj ĝin devigos manĝi.

Kaj li daŭrigis rigardi kaj karesi la besteton.

Tiu neatendita ŝanĝo, revekis iom da espero en la premegita koro de la gepatroj, kaj, kiam venis la kuracisto, ili diris:

— Ŝajnas al ni, ke nia Koko estas malpli malbone; ĉu vi kredas, S-ro doktoro, ke...

Enirante la ĉambron la kuracisto ekvidis la kortuŝantan sceneton. La birdeto, en apoteka skatoleto provizita par vato, ricevis la lastajn karesojn de la malgrasega kaj diafana mano de l'mortanta infano, kaj la lastan rideton de liaj paliĝintaj lipoj.

La besteto ŝajnis tiel mizera kaj malforta, ke la kuracisto demandis sin, kiu el ambaŭ amikoj respondos la unua al la alvoko de la morto.

— Ha! S-ro doktoro, diris malforte la infano,... vidu... mi havas pasereton.

— Ho! Kiel beleta ĝi estas! Kia estas ĝia nomo?

La grandaj okuloj de la malsanuleto fariĝis demandaj.

— Vi do ne scias, mia Koketo, ke ankaŭ la birdoj havas nomon?

— Kiel oni povas... ekscii ĝian nomon?

— Estas necese, ke oni demandu ĝin pri tio.

---

(1) Walone: rakulo = lastanaskito.

La infanaj okuloj ekbrilis kaj liaj palaj vangoj iom koloriĝis.

— Demandu, mi petas! li diris per pli forta voĉo.

En tiu momento la pasereto, kvazaŭ revante al sia patrino, ekpepis:

— Ĉirip! ĉirip!

Preskaŭ laŭte ekridis la infano.

— Ĉirip!... Ĉirip! li ripetis; ĝia nomo estas Ĉirip...

La haltis por penade enspiri iom da aero en siajn difektitajn pulmojn.

— S-ro doktoro, li diris poste, Ĉirip... rifuzas la nutraĵon... Se ĝi ne manĝas... ĝi neniam grandiĝos, ĉu ne ?... Donu al ĝi por manĝi... Faru kiel kun mi... mi petas... mi estas tiel laca!

— Kiel mi faris kun vi ?

— Vi tiklis... mian mentonon... kaj vi diris... : «Nu... Koketo mia... malfermu vian buŝon... tiel larĝe... kiel Boŝo... kiu formanĝas kolbason».

La maljuna kuracisto ekridis kaj, per pajlereto provizita de peceto de trempita pano, li tiklis la bekon de l'birdo dirante.

— Nu, S-ro Ĉirip, malfermu vian...

Sed tuj la besteto levante sian kapeton vidigis senpluman kaj rozkoloran kolon, kaj larĝe malfermante sian bekon, borderitan de flava randaĵo, englutis la panon.

Koko aŭdigis krieton de ĝojo:

— Mi! S-ro doktoro, mi! li petis.

Kaj la kuracisto donis al li la pajlereton, per kiu la infano enigis panon en la larĝe malfermitan bekon de Ĉirip.

— Sufiĉe nun! Sufiĉe, mia Koketo; iom ripozu; kaj lasu Ĉirip'on ankaŭ ripozi.

La malsanuleto estis tute aliiĝita, li parolis, ridis, estis gaja, moviĝis sur sia lito, kaj lia korpeto ŝajne reviviĝis.

— Ĉirip estos ĉiam... mia amiko, li diris, kiam mi estos... plene resanigita... mi ludos kun ĝi... sur la strato... Ĉu ĝi ne forflugos?

— Ne! ĝi neniam forlasos vin.

— Ĝis baldaŭ, S-ro doktoro; ... venu morgaŭ... por nutri Ĉirip'on... Mi ne estas plu... malsana, sed tre... tre laca.

La gepatroj mirante ĝojis pro tiu subita ŝanĝo; kaj la patro akompanante la kuraciston ĝis la sojlo demandis lin:

— Nu? S-ro doktoro, ĉu mi ne estis prava? Li estas multe pli bone, ĉu ne? Ĉu nun ni povas esperi ke...

La kuracisto respondis nur per malĝoja skuo de la kapo.

— Mi do forigos tiun birdon, diris la patro, ĉar ĝi lacigos lin.

— Ne! respondis la kuracisto, ne malhelpu, ke la infano ĝuu sian lastan plezuron.

* * *

Dum la tuta tago, la rigardo de Koko ne forlasis la skatoleton de Ĉirip. Sed videble li pli kaj pli malfortiĝis. Nokte, li iom ekdormis, kaj oni forigis Ĉirip'on sur la tablon. Sed matene dika mukaĵo ekobstrukciis lian traheon. Oni lin vidis penadi por tuseti kaj spiri. La ŝvito kovris lian vizaĝon, kaj la sufokiĝo komenciĝis.

Oni tuj revenigis la kuraciston.

Preterirante la tablon, li ekvidis Ĉirip'on jam senvivan en ĝia skatoleto, kaj alvenante al la lito li trovis Kokon mortanta. La estingitaj okuloj duone fermiĝis; la bruston apenaŭ plilarĝigis pli kaj pli malofta spirado.

— Ĉirip mortis la unua, diris la kuracisto, kaj jen Koko sekvas la amikon, kiu donis al li lian lastan ĝojon.

Ĉe tiu momento la infana vizaĝo senmoviĝis en anĝela rideto. Lia senkulpa animo eniris la ĉielon.

— Ha, Dio! ekĝemis la patro, por lin repreni tiel frue, kial vi estas lin doninta al ni!

Estu plenumita Volo Via sur la tero kiel en la ĉielo! murmuris la patrino.

* * *

Tra la malfermita fenestro eniris pura kaj dolĉa aero de somera mateno. Oni aŭdis sur la strato aliajn birdetojn gaje pepantajn, aliajn infanojn brue ludantajn.

Sed ŝajnis al la kuracisto, ke la morto moke ridaĉis al tiuj malgrandaj nesciantoj dirante:

— Ĝis iam!

Kaj li, kaŝante sian kortuŝecon, foriris al aliaj doloroj.

D-ro A. MELIN.

## Gravega sukceso de Esperanto en la Tutmonda Kongreso de la « Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj » kaj en la Internacia Universitato.

Internacia Universitato estis kreita en Bruselo dum la dusemajna kongreso de la «Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj», kiu okazis en la belga ĉefurbo de la 5a ĝis la 20a de septembro. En tiu Internacia Universitato la «Centra Esperantista Oficejo» el Parizo starigis Esperantan katedron, kiu tre bone sukcesis. Kvar paroladoj okazis: du en franca lingvo por klarigi la celon, la utilecon kaj la sciencaj principoj de Esperanto kaj du en nia lingvo: la unua pri «Aplikado de la Radiumo en la kuracado de la kancero», farita de D-ro Wanverts, profesoro en la Universitato de Lille; la dua pri «La Radiotelegrafado» farita de D-ro Corret el Versailles. Tiu-ĉi lasta parolado havis grandegan sukceson kaj fakte pruvis la taŭgecon de Esperanto por la priparolado de la teĥnikaj temoj.

Sed la plej grava sukceso por nia afero estis atingita en la kongreso mem de la internaciaj asocioj, el kiuj 112 estis reprezentataj, apartenantaj al ĉiuj partoj de l'mondo.

Rimarkindaj estis la modereco kaj la ĝentileco de la rilatoj inter la reprezentanto de Esperantido kaj la esperantistoj, kiuj disiĝis tre amike

post kiam ili estis verkintaj la jenan deziresprimon prezentotan al la kongreso jel'nomo de la sekcio de la artefaritaj lingvoj:

« La 3a Tutmonda Kongreso de la Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj konstatante la necesecon ĉiam pli grandan de la alpreno de internacia lingvo, esprimas la deziron, ke ĉiuj, kiuj spertis tiun necesecon, aliĝu al la grava movado por Esperanto, kiu devas plenumi tiun grandan progreson, prokrastante ĉiujn plibonigojn, kiuj povus esti necesaj, ĝis kiam la internacia lingvo estos oficiale akceptita de la registaroj».

Kvankam la sekcio de la naciaj lingvoj estis proponinta la francan lingvon kiel helplingvo por la estontaj kongresoj, la kongresanoj, unuanime ... krom la proponinto de la franca lingvo, voĉdonis por Esperanto!! Rimarkinde estas, ke la prezidanto de la kongreso, S-ro Senatano La Fontaine kaj la Ĝeneralo Sekretario, S-ro Paul Otlet, Direktoro de la Internacia Instituto de Bibliografio en Bruselo, persone apogis nian proponon, deklaris sin konvinkitaj esperantistoj kaj instigis la ĉeestantojn lerni nian lingvon, por ke dum la estontaj kongresoj oni parolu nur Esperante!!!

Jen ege kuraĝiga rezultato, kiu montras la favoron ĉiutage pli grandiĝantan, kiun la publiko montras por Esperanto!

Ni do esperu kaj fervore laboru! H. P.

---

# PROJEKTO

## de raporto pri la Komitata Kunveno de la Belga Ligo Esperantista okazinta la 9an de junuaro 1921

La kunsido okazis en Bruselo kaj daŭris de la 10a ĝis la 1a kaj de la 3a ĝis la 5a, sub la prezidanteco de S-ro Witteryck.

Ĉeestis: **Gekomitatanoj elektitaj de la Delegitoj:** S-ino Elworthy-Posenaer; S-roj Babillon, Champy, kaj Schoofs.

**Grupaj Delegitoj:** S-ro Jacobs, Antverpeno; F-ino Thooris kaj S-ro Witteryck, Bruĝo; F-ino Jennen, S-roj Haine kaj Mathieux, Bruselo; S-ro Henraut, Charleroi; F-ino Colyn, S-roj Cogen kaj Petiau, Gento; S-ro Wewer, Ledeberg-Gento; S-roj Derigat kaj Oger, Liège; S-ro Leflot, Liero; S-ro Baesens, Mehleno; S-ro Desonay, Spa kaj S-ro Pirnay, Verviers.

**Antaŭ** ol ekzameni la tagordon, la Sekretario legas personan leteron de la Prezidanto al Ministro Destrée, kaj respondon. Tiu ĉi ne estas malfavora, sed konsilas atendi pli efikan momenton por enkonduki Esperanton en la lernejojn.

Post propono de F-ino Thooris, F-ino Jennen estas elektita por fari la raporton pri la jena kunveno por eblegi la taskon de la Ĝenerala Sekretario, kiu devos ofte doni klarigon pri la diskutotai punktoi.

**Akcepto de novaj grupoj:** Unuvoĉe la grupoj «Verda Stelo», el Antverpeno kaj «Liege'a Ago», el Liege'o estas akceptataj de la Ligo.

**Xa Belga Kongreso en Liége (15-16an de majo 1921).**

La Sekretario legas la provizoran programon proponitan de la organiza komitato. Post ĝenerala diskutato, en kiu partoprenis ĉefe : F-ino Thooris; S-roj Derigat, Oger, Petiau kaj Schoofs, estas decidite: 1e. Sabaton vespere okazos Liga Komitata kunveno, kiun ĉiuj samideanoj povos ĉeesti. 2e. La Organiza komitato klopodos por ke la Liga Ĝenerala Kunveno okazu en la urbdomo tuj post la oficiala akcepto, kiu okazos, se eble, je la 10a matene. 3e. La Ĝenerala Kunveno konsistos el: prezento de la alilandaj kongresanoj, lego de la korespondaĵoj, parolo de la Prezidanto, diversaj raportoj kaj komunikaĵoj. 4e. Laborkunsido okazos vespere dum la festo. Oni priparolos temojn, kiuj povas naski interesan interparoladon, sed ne disputon! Ekzemple: «**Kiamaniere propagandi nian lingvon kaj konservi la adeptojn?**» La alilandaj kongresanoj estos petataj partopreni tiun diskutadon kaj oni publike anoncos al kiu lando apartenas la parolonto. 5e. La vesperfesto ne estos tro longa sed la programo enhavos kelkajn bonegajn numerojn. Estas dezirinde, ke profesiaj aktoroj ludu malgrandan Esperantan teatraĵon. La Liege'aj amikoj promesis klopodi por efektivigi tiujn dezirojn. S-ro Prezidanto aprobas kaj dankas ilin.

**Organizado de la propaganda laboro.**

La Sekretario proponas kunigi la propagandajn verkojn por havigi ilin al la grupoj. Li kunportis kelkajn bonajn, kiujn la delegitoj akiras. Inter ili: «La Valeur Pédagogique de l'Espéranto», de Rollet de l'Isle; «Une Impasse? La Multiplicité des Langues Internationales», de la sama aŭtoro: «Une Langue Auxiliaire Internationale l'Espéranto», de Profesoro Charles Richet (bonega propagandilo); «Une Langue Commerciale Commune» de S-ro A. Barton Kent; «Rapport sur la langue international Espéranto» de la Centra Oficejo; «Pourquoi je suis devenu Espérantiste» de S-ro Archdeacon kaj «La Question de la langue auxiliaire internationale» de S-ro G. Gautherot. Tiuj verkoj estas tre bonaj propagandiloj el kiuj la propagandistoj povas eltiri tre taŭgajn argumentojn por siaj paroladoj. Ili estas haveblaj ĉe la Sekretario. — S-ro Prezidanto ankaŭ konsilas uzi la «Informilo'n», kiu donas gravajn argumentojn.

**Propagando ĉe la geinstruistoj.** — S-ro Schoofs rakontos kiel li uzis Esperanton en la Centra Lerneja Komitato de Antverpeno. Per Esperanto li ricevis raportojn, pri deviga instruado, el 35 landoj; li sendis tiun dokumentaron al la urbdomo, kie oni admiris la rezultaton kaj samtempe la utilon de Esperanto. Tiun enketon vekis la intereson de la Antverpena Instruistaro. Per postlerneja societo S-ro Schoofs kunigis 30 Knabojn, al kiuj li faras kurson. Tiuj lernantoj korespondas kun samaĝuloj el plej diversaj landoj kaj montras, kompreneble, siajn korespondaĵojn al la geinstruistoj kaj kunlernantoj, tiel ili bonege propagandas. S-ro Prezidanto gratulas S-ron Schoofs.

**Propagando ĉe la «Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj».**

S-ro Schoofs opinias, ke ni devas interkonsenti pri tiu afero kun la Centra Oficejo el Parizo. La Sekretario konigas, ke C. O. skribis al S-roj La Fontaine kaj Otlet, ke ili interkonsentu kun Belga Ligo. S-ro Schoofs montras la efikan helpon de S-ro La Fontaine por enkonduki Esp. en

la «Ligo de Nacioj». Oni decidas skribi al li dankleteron kaj samtempe proponi la servojn de la Ligo por la traduko esperanten de la dokumentoj de la «Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj».

**Propagando ĉe la publeko.** — S-ro Baesens rekomendas somerajn ekskursojn, kantojn sur kioskoj, publikajn paroladojn, k. t. p. Sro Petiau priparolas paroladon de S-ro inĝeniero Vandevelde en la Genta Universitato. Tiu parolado, kiu ŝajnis ne rilati kun nia lingvo havis Esperanton kiel ĉefan temon kaj okazis antaŭ pli ol 200 personoj. S-ro Pirnay parolas pri siaj klopodoj por ke loko estu rezervata al nia lingvo en la komercaj foiroj kaj ĉefe en la venonta Brusela foiro

Kiel provo, S-ro Pirnay estas difinita kiel provinca delegito por sin okupi speciale pri la propagando en la Liége'a provinco, interkonsente kun la Ligestraro kaj la ekzistantaj grupoj. Se tiu provo donos bonajn rezultatojn delegito estos difinita por ĉiuj provincoj.

**Alcentrigo de la Liga Laboro.**

S-ro Schoofs esprimas la deziron, ke la nunaj grupoj fervore laboru kaj sugestas ke ĉiuj akceptu saman regularon kaj kotizaĵon fiksitan de la Ligo. Li ne deziras diskuti jam nun tiun principon sed,laŭ lia propono,la grupoj estas petataj uzi kiel ĉeftitolon: «Belga Ligo Esperantista» kaj la nomon de la grupo kiel subtitolon.

Okaze, oni priparolas la demandon pri la Honora Prezidanteco de la Ligo. Diversaj proponoj estas faritaj, kiujn ekzamenos la Ligestraro.

**«Belga Esperantisto».** — La abonprezo estas fiksita jene: Fr. 10.— por la izolaj samideanoj, kiuj estos samtempe anoj de la Ligo; Fr. 7.50 por la grupoj, kiuj mendos almenaŭ 10 abonojn. Estas varme rekomendite, ke la grupoj abonigu sian tutan anaron. S-ro Schoofs anoncos en la belga gazetaro la reaparon de nia ĵurnelo kaj samtempe konigos la «Belgan Ligon»; eble oni tiel trovos multajn izolajn abonantojn.

S-ro Schoofs, kiu sin okupas pri la presado de la ĵurnalo, esperas, ke ĝi aperos je fino de januaro, sed tio dependas de la presisto, kiu atendas la necesan materialon. Almenaŭ 500 24- paĝaj numeroj estos presitaj, kaj, se eble, pli grandan nombron,ĉar oni devas antaŭvidi la malfruajn abonontojn.

S-ro Schoofs esprimas necertecon pri la presprezo pro la eventuala plialtigo de la salajroj. Dumjara kontrakto estos nuntempe ne ebla.

La Sekretario tre insistas por ke ĉiuj kunlaboru por ke, per multaj anoncoj, la ĵurnalo nenion kostu, S roj Prezidanto kaj Schoofs apogas.

**Akcia Societo.** — Tiu afero estas provizore forlasata.

**Instrua Fako.** — La Sekretario legas raporton de S-ro Varendonck, kiu precipe priparolas la utilecon de bilbioteko. Nomaro de la verkoj recenzitaj aperos en «Belga Esperantisto».

La Sekretario faris, je l'nomo de la Ligo, aranĝon kun la «Centra Esperantista Librejo» en Parizo, por havigi al la grupoj lerno- kaj legolibrojn je favoraj kondiĉoj. Tiuj libroj estas haveblaj ĉe la Sekretario.

**..Ŝanĝo en la regularo pri la organizado de ekzamenoj pri lernado de Esperanto.** — S-ro Prezidanto gratulas S-ron Jacobs pri lia bona projekto, sed opinias ke, ĉar ni bezonas multe da profesoroj, oni ne povas

terurigi ilin per la ekzameno. Li petas S-ron Jacobs prepari specialan programon por la proksima kunveno kaj priparoli en «Belga Esperantisto» la temojn pri pedagogio, metodologio kaj psikologio. S-ro Prezidanto proponas konkurson pri diversaj sistemoj por instrui Esperanton; li donos premion. Tiu propono estas unuanime akceptita kaj laŭ propono de S-ro Schoofs, tiu konkurso estos internacia. Intertempe la nuna regularo restos, sed la juĝantaro devos sin montri pli severa por la diplomo pri profesora kapableco.

**Dviersaĵoj.** — S-ro Prezidanto rimarkigas, ke oni forgesas la «Soldon por Esperanto», kiu tamen estas tre bona monhavigilo: ĉiu grupo devus havi monkolektujon. Tiucele la Liga Kasisto Kolektas Fr. 25.—.

— S-ro Prezidanto gratulas Sinjorinon Elworthy-Posenaer pro tre trafa artikolo en «Le Matin» el Antverpeno.

— S-ro Schoofs priparolas pri angla esperantista knabkantistaro kiu ĉeestos la Liége'an kongreson, tie kantos, kaj ankaŭ vizitos Ostendo, Bruselo, Antverpeno, Gento, Bruĝo, kie ĝi organizos koncerton por bonfara celo. Ĝi ne petos pagon, sed postulas, ke la vojaĝo de Ostendo al Ostendo estu pagata. S-ro Schoofs faras varman alvokon por ke la grupoj de la koncernaj urboj prizorgu kiel eble plej bone la akcepton kaj restadon de la infanoj kaj la organizon de la festo. Promesis helpi: F-inoj Jennen kaj Thooris; S-roj Oger kaj Petiau, kiuj ricevos necesajn informojn post kelkaj tagoj.

Laŭ raporto de Fraŭlino M. A. Jennen.
La Ĝenerala Sekretario,
HENRI PETIAU.

---

# Deka Belga Kongreso de Esperanto

**okazonta en Liége la 15—16an de Majo 1921.**

---

## PROVIZORA PROGRAMO.

---

Sabaton (vespere): je la 7a. Malfermo de l'Aceptejo.
8a. Komitata Kunveno de la «Belga Ligo».
Dimanĉon (matene): 9a. Kunveno de U. E. A. Delegitoj.
10a. Ĝenerala kunveno de la «Belga Ligo».
12a. Oficiala akcepto en la urbdomo.
Dimanĉon (posttagmeze): 1a. Festeno.
4a. Muzika koncerto sur urba kiosko (se eble).
8a. Teatra festo.
Lundon (matene): 10a. Kunveno de la fakaj sekcioj.
11a. Vizito de la urbo kaj ĝiaj monumentoj.

Lundon (posttagmeze): 2a. Ekskuso en la ĉirkaŭaĵo. kampara manĝeto.

8a. Intima festo en la grupa kunvenejo.

Mardon (matene): 10a. Ekskursoj laŭvolaj en la ĉirkaŭaĵo, k. c.

---

La samideanoj, kiuj havas rimarkojn aŭ proponojn por fari rilate tiun provizoran programo nestas petataj sin turni al la Ĝenerala Sekretario de la Ligo: S-ro Henri Petiau, 60, Lievenslaan, Gent, 60, Boulevard St. Liévin, Gand.

Liége estante, pro sia belega ĉirkaŭajo, tre alloga kongresurbo, ni estas konvinkitaj, ke ĉiuj samideanoj ĉeestos la kongreson, kies organizado estos zorgata kaj ni faras alvokon al la grupestroj, por ke ili instigu siajn gegrupanojn ĝin ĉeesti. H. P.

---

# XIIIa Universala kongreso de Esperanto en Praha (Ĉeĥoslovakujo)

**de 31a julio ĝis 6a de aŭgusto 1921.**

KUNMETAĴO DE LA 6 UNUAJ KOMUNIKOJ:

ORGANIZA KOMITATO. — Prez.: S-ro Josef Eiselt, eksdirektoro de gimnazio ; Vicprez. : S-ro Vojtech Kraus, magistrata oficejestro ; F-ino Juli Ŝupichova, instruistino; Ĝen. Sekr.: S-ro Aug. Pitlik, komisario ĉe ministerio por komerco; Sekr.: F-ino Sidonie Dlouha, fervoja oficistino; Kasisto: S-ro Novak, horloĝisto; Komitatanoj : S-ro D-ro A. Bischitzky, S-ro St. Kamaryt.

SEKCIESTROJ. — Financa: S-ro Rudolf Hromada, oficisto; Propagando enlanda: S-ro Bouŝka, urba oficista; Propagando ekterlanda : S-ro Silha, landa asistento; Presa: S-ro Weiner, redaktoro; Loĝa: F-ino Moudra, instruistino; Distraĵa: F-ino Hlavaĉova, instruistino; Aranĝa: S-ro Lukaŝ, studento.

Revizoroj: S-ro D-ro Kohout, landa ĉefkonsilanto, kaj S-ro Vondruŝka, landa revidento.

DELEGITOJ ĈE LA K. K. K. — S-roj D-ro St. Kamaryt kaj. Aug. Pitlik.

KOTIZAĴO. — 25 frankoj-oro (antaŭmilita valoro): 5 dolaroj, 12 nederlandaj guldenoj, 20 ŝilingoj, skandinavaj kronoj, germanaj markoj, 25 frankoj, liroj, dinaroj, drakmoj, pesetoj, ĉehoslovakaj kronoj, aŭstriaj kaj bulgaraj kronoj, polaj kaj finnaj markoj, k. t. p.. Pluaj samfamilianoj pagas nur 60 % de la kotizaĵo. Post la 1a de junio 1921 altiĝos la kotizaĵoj je 50 %. Ĉiu pagas en sia ŝtata valuto ! La sumon sendu pere de iu ajn banko al la banko **«Bohemia» en Praha, je la konto de la XIIIa Universala Kongreso de Esperanto** kaj samtempe sciigu pri la aliĝo kaj monsendo la ĝeneralan sekretarion!

GARANTIA FUNDO. — Samideanoj (precipe el landoj kun bona valuto) enskribu almenaŭ unu enskribon po 100 ĉehoslovakaj kronoj. La garantiantoj pagos laŭproporcie nur, se post la kongreso pruviĝus, ke la kongresaj elspezoj superus la enspezojn. Ĝis nun garantiis 3 samideanoj; sumo atingita: 200 ĉ.sl. kronojn kaj 500 Nederl. guldenojn.

DONACOJ. — Proksiume 25 donacoj kun tuta sumo de ĉ. 3000 Kronoj, krom tio la Ĉehoslovaka Komercministerio donacis 10.000 Kronojn kaj la ĉ.sl. Ministerio por eksterlandaj aferoj, 5000 Kronojn.

KONGRESA KASO. — La financa sekcio aranĝis la 6-12-1920 amuzvesperon de Skt. Nikolao kaj du teatrajn prezentadojn: la 19-12-1920 kaj la 26-1-1921 per kiuj entreprenoj pliriĉiĝis la kaso je 7000 Kĉ.

KONGRESEJO. — Solena malferma kunsido okazos en la «Smetana» halo de Reprezentanta domo; laboraj kunsidoj kaj akceptejo en la Kazino sur la insulo «Zofin».

SUBKONGRESOJ. — Okazos subkongreso de la blindaj esperantistoj, kun paroladoj pri la socia vivo kaj organizado de la blinduloj kaj internacia koncerto de la blindaj virtuozoj kaj kantistoj.

Ankaŭ okazos subkongreso de «Liberiga Stelo», internacia asocio de antaŭenemaj Esperantistoj.

FAKAJ KUNVENOJ.Por faciligi la aranĝon de fakaj kunvenoj,oni sin turnu al jenaj personoj: Blinduloj: S-ro St.Stejskal; Fervojistoj; F-ino S. Dlouha; Filatelistoj: S-ro Fleischer; Framasonoj: S-ro Faulhaber, Borgerstr. 103, Amsterdam; Hebreaj nacianoj: S-ro Heller; Instruistoj: F-ino Julie Ŝupichova; Ĵurnalistoj - verkistoj: S-ro B. Weiner; Katolikoj; S-ro Zelenka; Komercistoj: D-ro Unger, Centra Poŝtfako 6104, Zürich; Kristanoj: S-ro Tutsch; Kuracistoj: D-ro A. Bischitzky; Laboristoj: S-ro J. Ŝidlo; Liberpensuloj: S-ro R. Hromada; Anoj de Malgrandaj nacioj: D-ro Rud. Fridrich, Prostejov (Ĉehosl.); Pacifistoj: F-ino M. Moudra; Poŝtoficistoj: F-ino M. Hemorava; Psikistoj- (spiritualistoj): S-ro Sklenĉka, Hradec Kralové (Ĉehosl.); Ruĝa Kruco: S-ro V. Kraus; Sciencistoj: D-ro S. Kamaryt, Felocviĉna 3, Bratislava; Skoltoj: S-ro A. Pitlik; Sportistoj: Universala Sportligo, Sekr. S-ro Pedrazzini, Locarno (Svisl.); Studentoj: S-ro M. Lukaŝ; Ŝakludantoj: S-ro Hajek; Teosofanoj: S-ro Cimr; Vegetaranoj: S-ro B. Tutsch.

TEATRA PREZENTADO KAJ FESTOJ. — Oni ludos en la Nacia Teatro Esperanten tradukitan klasikan ĉeĥan komedion «Noc na Karlštejne» (Nokto en Karlŝtejn) de Jaroslav Archicky, ĉefa ĉeĥa poeto kaj verkisto. Antaŭvidotaj estas ankaŭ internacia balo kaj ekskursoj.

ALIĜOJ. — La nombro atingas ĝis nun 131.

DEPONADO DE MONO EN PRAHA. — Oni sendu pere de iu ajn banko al la Banko Bohemia en Praha je la konto de la XIIIa Universala Kongreso Esperanto la deponotan sumon, aŭ en sia nacia valuto, kiun elpagos al vi la Kongresa monŝanĝejo en ĉehoslovakaj kronoj laŭ la kurzo de la tago de la monakcepto, aŭ en ĉ.sl. kronoj, kiuj estos elpagotaj kun procentoj. Pri monsedo sciigu ĉiam, la ĝeneralan sekretarion de la Organiza Komitato.

VOJAĜAFEROJn (biletojn, transporton de valizoj, informojn ĉiurilatajn) prizorgadas «Ĉs. Cestovul a doprovni kancelar» (Vojaĝ- kaj

transportoficejo fondita de la ministerioj por komerco kaj fervojoj) en Praha II, Mikulandska 7.

SCIIGOJ PRI LOĜADO. — Vivkostoj en Praha aperos en la 7a Komuniko.

ADRESO : por aliĝoj kaj nur prikongresaj aferoj: Aug. Pitlik, ĝen. Sekr., Nerudova 40, Praha III.

# Deklaracio de la Esperantista Akademio

La sola deviga por ĉiuj Esperantistoj fundamento de la lingvo Esperanto estas la verketo «Fundamento de Esperanto».

Nia Esperanto estas vivanta lingvo, kiu laŭnature kreskas kaj kreskos.

Eĉ plibonigo, — cetere ĉiam diskutebla, — kiu rompus nian unuecon, ne plu estus plibonigo, sed la malo.

## ENKONDUKA LETERO DE LA PREZIDANTO DE LA LINGVA KOMITATO.

« Karaj Kolegoj,

» Jen la al vi anoncita Akademia Deklaracio.

» Permesu, ke ĝin mi enkonduku per kelkaj antaŭvortoj.

» La triumfon ni atingos nur per internacia unueco, kiun garantias
» sole nia fideleco al la Zamenhofa Fundamento.

» Ĉefa tasko de niaj Lingvaj Institucioj en la nuna propaganda perio-
» do estas, ne malhelpante la naturan evoluadon de nia vivanta lingvo
» konservi tiun ĉi internacian unuecon.

» Ne kuŝas nia esenca forto en pli malpli granda perfekteco de la
» lingvo mem, sed en tio, ke ni ĉiuj uzas saman lingvon komunan.

» Sur la lingva kampo, — tial ke lingvo estas ne pure racia, sed an-
» kaŭ konkreta afero, — ne atingebla estas plena racia perfekteco.
» Sufiĉas,se lingvo estas por ĉiuj facilakirebla,se ĉiujn homajn pensojn,
» eltrovojn, laborojn ĝi povas esprimi. Ke tiujn kondiĉojn plenumas
» efektive nia Esperanto, tion ĝi pruvis dum pli ol tridekjara periodo
» ne teorie, sed per faktoj, pli elokventaj ol ĉia rezonado.

» Sed, se serĉado de lingva perfekteco estas vana kaj pereiga por la
» ideo, tute ebla estas kontraŭe ni internacia unueco, kiu kuŝas en niaj
» manoj. Ni do nenion devas fari, sub preteksto de pli malpi duba pli-
» bonigo, kio povus kompromiti tiun ĉi ĝis la fina venko necesegan
» unuecon.

» Ke tia sintenado tute ne malhelpas la evoluadon kaj pliriĉiĝon de la » lingvo, ke ĝi ne estas malprogresema, ke ĝi ne estas ŝtonigo, tion mon- » tras le sekvanta Akademia Deklaracio.

» Decembro 1920. Th. CART. »

DEKLARACIO.

Nelonge antaŭ la eksplodo de la milito la Akademio publikigis la «Duan Oficialan Aldonon» al la U. V. (1) Pro multaj materiaj malhelpoj kaj baroj, pro neebleco de internacia interkomunikiĝo, pro la morto de ĝia prezidanto, pro la neregula situacio de triono de ĝiaj anoj, kiuj estis rebalototaj, ĝia laboro kompreneble haltis kaj «ne povis ne halti».

Sed tuj, kiam la cirkonstancoj ebligis la regulajn balotojn kaj la refunkciadon de niaj Lingvaj Institucioj, la Akademio, senbrue kaj senreklame, sed senprokraste kaj diligente, rekomencis labori. Ĝi ne nur preparas la baldaŭan starigon de la «Tria Oficiala Aldono», sed ĝi priesploras ankaŭ kelkajn aliajn urĝajn demandojn, kaj speciale la preparadon de Teknikaj vortaroj.

Tial ke estas certe, ke la antaŭa labormetodo estis iom malrapida, la Akademio atente ekzamenos la problemon pri eventuala reorganizo de la Lingva Komitato kaj modifoj en ĝia regularo.

Ĉar, aliparte, pro troa diskreteco kaj nesufiĉa publikeco de la laboroj de la Akademio kaj de la Lingva Komitato, multaj Esperantistoj estis inklinaj malprave kredi kaj malĝuste diri, ke la Lingvaj Institucioj dormetas, tial la Akademio de nun konigos la disvolviĝon de siaj laboroj per komunikoj sendotaj al la Esperanta gazetaro. La plenaj oficialaj dokumentoj aperos, kiel kutime, en la «Oficiala Gazeto». La Akademio danke akceptos ĉian kunlaboradon de spertaj kaj kompetentaj Esperantistoj.

La jena deklaracio montras, kiaj estas, laŭ ĝia opinio (la devoj de la Esperantistaro kaj tiuj de la Langvaj Institucioj.

## 1. — DIFINO KAJ DEVOJ DE LA ESPERANTISTARO.

Esperanto estas lingvo, kaj same, kiel ĉiuj lingvoj, ĝi estas indifedenta ilo, kiu povas servi al kiu ajn cela kaj ideo. «Ĉiu ideo oŭ espero, kiun tiu aŭ alia Esperantisto ligas kun la Esperantismo estas lia afero pure privata, per kiu la Esperantismo ne respondas».

Sekve «Esperantisto estas nomata ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto, tute egale, por kiaj celoj li ĝin uzas. Apartenado al ia aktiva societo esperantista por ĉiu esperantisto estas rekomendinda, sed ne deviga» (Bulonja Deklaracio).

Ĉar Esperanto estas «vivanta» lingvo, ĝi evoluas laŭ natura maniero, same, kiel la naciaj lingvoj, per iomaj post iomaj aldonoj aŭ ŝanĝiĝoj, laŭbezone eniĝantaj en la uzadon. La sorto de nia lingvo kuŝas do en la manoj de la Esperantistaro mem.

---

(1) Tute pretaj por publikigo estas ankaŭ la korektoj — aprobitaj de la L. K. — de eraraj tradukoj en la «Universala Vortaro».

Tamen ĉi tiu povo kaj libereco de la Esperantistaro por riĉigi la lingvon kompreneble ne estas senlima kaj senbrida, nek devas degeneri en pereigan anarkion. La Esperantistaro havas la rajton libere uzi la lingvon; ĝi ne rajtas detrui kaj pereigi ĝin. Evolucio natura tute ne samsignifas, kiel evolucio kaprica, senkritika, senpripensa. Ĉar Esperanto estas «internacia» lingvo, ĝia natura evolucio devas fariĝi «internacie», unuece kaj ĉiulande sammaniere, ne malhelpante la internacian interkompreniĝon. Severa unueco, estante nepra kondiĉo de internacia interkompreno, estas nepra kondiĉo de ekzistado de lingvo internacia, kiun baldaŭ mortigus la pereiga disfalo je diversaj dialektoj.

Tiu ĉi mortiga danĝero ne estas duba, ĉar ĝi kuŝas en la kondiĉoj mem de la vivo de internacia lingvo: la uzantoj de «nacia» lingvo, pro la pratikal necesoj de konstanta interkomunikiĝo kaj interkomprenĝo, ne povas libere ŝanĝi aŭ riĉigi la lingvon laŭ persona gusto kaj kaprico; ilia libereco estas severe limigata de la necesa tuja komprenebleco. Por ke ili estu komprenataj, ili devas paroli sammaniere, kiel ĉiuj ĉirkaŭ ili parolas. La konstanta praktika uzado de la lingvo estas do konstanta senkonscia korektilo kaj kritikilo.

Kontraŭe, almenaŭ en la nuna propaganda periodo, oni ne uzas la «internacian» lingvon por la ĉiutagaj praktikaj urĝaj bezonoj de la vivo. Tial la malsamkutimaj kaj malsamtradiciaj homoj, kiuj ĝin uzas nur intertempe kaj precipe skribe, ne povas rimarki, ĉu ili estas komprenataj aŭ ne, kaj ili ne estas devigataj korekti pro nekompreniĝo sian malbonan lingvaĵon.

Por eviti la eblan disfalon de nia lingvo, estas do necese, ke ĉiu Esperantisto, konsciante sian devon, sin korektu mem per interna memvola, plej severa disciplino, inspirante al ĉiuj per sia ekzemplo profundan respekton al la lingvo Esperanto. Neniam oni tro firme konvinkiĝos, ke nian Esperantan lingvon oni devas konsideri kun sama respekto, kiel niajn gepatrajn. Neniu certe kuraĝus enkonduki sisteme kaj amase aŭ kaprice en ilin novaĵojn aŭ sanĝojn, ĉar tiamaniere oni fariĝus nur ridinda.

La unua kondiĉo de normala progresado, la ĉefa kondiĉo de ne ŝajna sed plena libera vivo, estas tiu profunda respekto, kiu malebligos, ke oni serĉu sen absoluta neceseco novan vorton aŭ esperimmanieron. Neniu, eĉ la plej konservema, malpermesas al ĉiu Esperantisto uzi novan vorton, se ĝin li nepre bezonas. Sed de ĉiuj ni rajtas postuli, ke novaĵon oni neniam enkonduku senutile kaj senbezone. Cetere, rimarkinde estas, ke ju malpli da fremdaj lingvoj iu konas, des pli facile li alportas novajn esprimojn kaj ilin senĝene defendas kun insisto, forgesante, ke la rajto krei vorton estas tute escepta kaj ke tiu ĉi sola ĝin havas, kiu funde scipovas kaj posedas la lingvon. Ni do devas esti «tre singardaj» kun ĉia perfektigado kaj riĉigado de la lingvo, kaj ni devas provi novajn vortojn nur en okazoj de efektiva neceseco.

En la Antaŭparolo de la Fundamento de Esperanto, Zamenhof mem klarigas tute precize la manieron, kiel la lingvo povas riĉiĝadi kaj perfektiĝadi per vojo «natura» kaj libera, sed ankaŭ internacia, singarde senkonfuza kaj sendanĝera: Ĉiu Esperantisto povas riĉigadi la

lingvon per novaj vortoj, ĉu senkonscie, ĉu konscie, sed neniam senkritike kaj senpripense. Li rajtas provi novan vorton nur «per konsiliĝado kun tiuj personoj, kiuj estas rigardataj, kiel la plej aŭtoritataj en nia lingvo, kaj zorgante pri tio, ke ĉiuj uzu tiujn vortojn en la sama formo». Plie, la novajn vortojn «oni devas uzadi nur en la literaturo»... Estas ĉies devo, antaŭ ol uzi novan vorton, zorge konstati, ke ĝi ne estas «superflua».

Ĉiuj Esperantistoj konstante rememoru tiujn saĝajn majstrajn konsilojn.

## 2. — DIFINO KAJ DEVOJ DE LA LINGVAJ INSTITUCIOJ.

La «Lingva komitato» kaj ĝia «Akademio» ne havas la rajton iniciati iun ŝangon, korekton aŭ aldonon, nek krei novajn vortojn; ili devas nur konstati, kontroli, elekti, konsili, rekomendi aŭ malrekomendi: ili estas nur ordigiloj, moderigiloj kaj reguligiloj, kiuj celas konservi la necesan unuecon kaj harmonion.

La rolo de la Lingva komitato kaj de la Akademio ne dependas de la plaĉo de iliaj anoj, nek de la okaza ŝangebla opinio de iuj esperantistaj grupoj aŭ kongresoj. Tiun rolon tre klare kaj precize difinitan per la Fundamento, — kiu estas konstitucia leĝo por ĉiu Esperantisto, — per la Fonda Regularo kaj per la Zamenhofaj komentarioj kaj konsiloj, devas akcepti ĉiu Komitatano kaj Akademiano.

Kreante la Lingvan Komitaton kaj la Akademion, la Esperantistaro konigis sian precizan celon kaj firman volon, deklarante, ke ĉi tiuj institucioj estas komisiitaj «por zorgi pri la «konservado» de la fudamentaj principoj de la lingvo kaj «kontroli» ĝian evolucion» (Regularo).

Sekve la rolo de la Akademio, kiu estas nur organizantaro por la laborado de la Lingva Komitato kaj de la prilingvaj nekomitatanaj kompetentuloj, estas, tute same, kiel tiu de ĉiuj Akademioj en la mondo, rolo esence konserva: la Akademio devas unue malhelpi rompon de la fundamentaj gramatikaj reguloj kaj malrespekton de la fundamenta vortaro; due ĝi devas zorgi, por ke la evoluado de la lingvo fariĝu laŭ la principoj, reguloj kaj instrukcioj entenataj en la «fundamentaj» dokumentoj.

La signifo de la vorto «kontroli», uzata en la Fonda Regularo, ne estas duba: «kontroli» estas «esplori, ĉu io estas tia, kia ĝi devas esti» (Vortaro de Bein). Kompreneble tiu ĉi esploro estus tute vana teoria laboro kaj senutila batado de vento, se ĝin ne sekvus efektivigaj konsiloj kaj admonoj. La Fundamento de Esperanto estas je la dispono de ĉiu Esperantisto kiel «konstanta kontrolilo, kiu gardos lin de deflankiĝado de la vojo de unueco» (Antaŭparolo de la Fundamento); sed tiu kontrolilo estas senaga, inerta, pasiva, ĝi estas nur ilo, kiun oni povas uzi aŭ ne uzi. Facile, eĉ senintence, oni povas malzorgi ĝin, forgesi ĝiajn ekzemplojn. La Akademio estas aganta, vivanta, aktiva kontrolanto, kiu kvazaŭe vivigas, efikigas la Fundamenton kaj efektivigas en la praktiko ĝiajn principojn.

La kontrolo de la Akademio, ne forprenante la liberecon de ĉiu Esperantisto, nek barante la normalan naturan kaj laŭnature interna-

cian evoluadon kaj pliriĉiĝadon de la lingvo, tamen konservas ĝian severan unuecon, kaj gardas la Esperantistojn de blinda kaj senkritika alproprigo de eraroj, de malkorektaĵoj, de novaj nenecesaj, neutilaj kaj nesufiĉe internaciaj radikoj, aŭ de naciaj apartaĵoj kaj «iodotismoj», kiuj ne estas internacie aŭ almenaŭ sufiĉe ĝenerale kompreneblaj. Ne deprenante de ĉiu Esperantisto «la eblon kritike proprigi al si ĉiujn riĉiĝojn kaj regule faritajn perfektigojn, kiujn li trovas en la literaturo», la Akademio devas esti konstanta helpanto, informanto kaj konsilanto de ĉiuj Esperantistoj kaj precipe de la verkantoj kaj de la gazetoj, senlace rememorigante al ili la necesan disciplinon, la fundamentajn principojn kaj la neprajn kondiĉojn de internacia lingvo, edligante al ili la necesegan kritikon, refoje postulitan de Zamenhof, kaj la elekton inter relative internaciaj kaj nure naciaj radikoj, inter apartaj naciaj idiotismoj kaj internacie ĝenerale kompreneblaj esprimoj, «ĉar la lingvo internacia, simile al ĉiu lingvo nacia, povos bone atingi sian celon nur en tiu okazo, se «ĉiuj» uzos ĝin plene egale» (Antaŭparolo de la Fundamenta Krestomatio).

(Fino sekvos.)

---

# Esperanto ĉe la ligo de Nacioj

## OFICIALAJ DOKUMENTOJ.

Ni presas kiel dokumentojn interesajn por niaj legantoj 1ᵉ la oficialan resumprotokolon pri la 12a kunsida de la Komisiono N-ro II, 2ᵉ la raporton de la komisiono N-ro II pri lingvo internacia kaj 3ᵉ la stenografan protokolon de tiu parto el la fin-lasta kunsido, dum kiu oni malfrue parolis pri Esperanto, kiam ĉiuj estis jam lacaj kaj dezirantaj paki valizojn.

---

### DEKDUA KUNSIDO DE LA KOMISIONO N-ro II
**Jaŭdon 16 decembro 1920.**

Prezidanto: Prof. Thomas Jonesco. — La kunsido malfermiĝas je 15 h. 30.

La svisa delegito (S-ro Ador) legas la tekston de rezolucia projekto pri internacia lingvo subskribita de la delegitoj el dekunu regnoj.

La belga delegito (S-ro Lafontaine) subtenas la proponon kaj memorigas pri la kreskanta intereso, kiun vekas Esperanto de post la milito.

La ĉina delegito (S-ro Tang Tsai Fou) (1) ankaŭ apogas la rezolucion kaj esprimas la opinion, ke estus bone, ke mondlingvo estu in-

---

(1) Anstataŭita de S-ro S. Ĉeu Vej, kiu eĉ diris kelkajn vortojn en Esperanto. — (Red.)

struata en ĉiuj lernejoj kaj lernata de la Ĝenerala Sekretariaro de la Ligo. Li deklaras, ke Esperanto speciale allogas la ĉinajn studentojn.

La persa delegito (Emiro Zoka ed Dowleh) insistas pri la neceseco de internacia lingvo.

La dana delegito (F-ino Forchhammer) diras, ke ŝi aprobas la rezolucion kun la kompreno, ke la proponita enketo ne estos ekskluziva, sed kontraŭe tiel vasta kiel eble.

La brita delegito (S-ro Barnes) proponas akcepton de la rezolucio forprenante la trian paragrafon.

Post diskuto la rezolucio estas alprenita en la sekvanta formo (vidu la konkludon de la raporto).

Dokumento
N-ro 253

LIGO DE NACIOJ.

**Lingvo internacia.**

---

**Raporto de la Komisiono N-ro II al la Kunsido.**

---

Raportanto: S-ro Senatano Lafontaine.

---

La Kunsido resendis al Komisiono N-ro II rezolucion prezentitan de S-roj Lord Robert Cecil (Sudafrik), Octavio (Brazila), Lafontaine (Belga), Wellington Koo (Ĉina), Huneeus (Ĉilia), Restrepo (Kolombia), L. M. princo de Nawanagar (Hinda), Doret (Haitia), Schanzer (Itala), L. M. Emiro Zoka ed Dowleh (Persa), Beneŝ (Ĉehoslovaka).

La komisiono konsentis kun la subskribintoj de la propono por konstati la gravajn lingvajn malfacilaĵojn, kiuj malhelpas rektajn rilatojn inter la popoloj kaj por deziri la instruadon,en ĉiuj lernejoj de l' mondo, de internacia lingvo simpla kaj facila, kiun la geknaboj lernus krom sia gepatra lingvo, kaj kiun la estontaj generacioj uzus kiel ĝeneralan rimedon por internacia komunikado. Tamen la komisiono konsideris, ke estus bone komenci per enketo bazita sur la kampo de la faktoj.

La komisiono aŭdis kun intereso, ke la Mondkongreso de Internaciaj Asocioj en Bruselo lastan septembron sukcesis atingi ĉe si unuanimecon inter partianoj de internacia lingvo rekomendante al ĉiuj, ke ili subtenu Esperanton por rapidigi praktikan solvon. Ĝi ankaŭ aŭdis de la Persa kaj Ĉina reprezentantoj ĉe la Ligo de Nacioj, ke granda popola movado ekvastiĝas en Azio samcele, kaj ke kelkaj ceteraj regnoj anoj de la Ligo, kiel Brazilio kaj Ĉeho-Slovakio jam enkondukis la instruadon de Esperanto en la publikaj lernejoj. Same faris kelkaj urbestraroj anglaj kaj italaj.

Fine la komisiono informiĝis, ke tiu internacia helpa lingvo estis uzata kun sukceso ĉe pluraj grandaj universalaj kongresoj, kie la ĉiulandaj parolantoj facile interkompreniĝis kaj la diskutoj okazis de la komenco ĝis la fino per unu sola kaj sama lingvo, stariganta plenan egalecon por ĉiuj.

La komisiono opiniis, ke la Kunsido ne povas eliri el la limoj de sia

kompetenteco, kaj ke estus preferinde forlasi la duan paragrafon de la propono submetita al ĝia ekzamenado kaj transformi ĝin je simpla rekomendo al la ĝenerala sekretariaro,ke ĝi entreprenu enketon por informi la venontan Kunsidon pri la rezultatoj atingitaj en tiu fako.

Jen la teksto de la deziresprimo, kiun la komisiono proponas ke vi voĉdonu per plimulto:

La Ligo de Nacioj, konstatante la lingvajn malfacilaĵojn, kiuj malhelpas rektajn rilatojn inter la popoloj kaj la urĝan necesecon forigi tiun baron por helpi al bona kompreniĝado inter nacioj.

sekvas kun intereso la provojn je oficiala instruado de la internacia lingvo Esperanto en la publikaj lernejoj de kelkaj regnoj, anoj de la Ligo de Nacioj,

rekomendas, ke la ĝenerala Sekretariaro preparu por la venonta kunsido detalan raporton pri la rezultatoj atingitaj en tiu fako.

---

**Lasta ĝenerala kunsido 18 decembro 1920 je 16 h.**

S-ro Prezidanto. — Laŭ la tagordo ni nun ekzamenu la konkludojn de la raporto de komisiono N-ro II pri la propono koncernanta Esperanton kaj pri la propono por organizado de la intelekta laborado.

S-ro Lafontaine (Raportanto). — La du proponoj, pri kiuj mi devas ankoraŭ raporti, ne estas fakte proponoj, sed simplaj petoj al la konsilantaro, ke ĝi preparigu raportojn por la venonta kunsido pri du problemoj ekzamenitaj de la Komisiono.

Ni ĉiuj konas la malfacilaĵojn pro multeco de la lingvoj kaj la klopodojn jam de longe entreprenitajn por atingi uzadon de komuna helpa lingvo. Tiu komuna lingvo havas jam hodiaŭ tutan historion kaj estas uzata en diversaj landoj. La subskribintoj de la propono jam indikis la landojn, kie la uzado de Esperanto atingis gravajn rezultatojn. Tiu rezolucio kunigas reprezentantojn de la diversaj kontinentoj

La ideo de ĝiaj aŭtoroj ne celas peti tiun ĉi kunsidon, ke ĝi fariĝu akademio decidonta ĉu oni devas uzi tiun helpan lingvon. Ili nur petas, ke la demando estu senpartie ekzamenata, kaj ke raporto estu submetata al la venonta kunsido. Ĉu la granda problemo, antaŭ kiu troviĝas hodiaŭ la homaro, ne estas faciligi la diskutojn en tiaj kunvenoj kiel la nuna?

Ni uzas du lingvojn kaj unu el ili estas komprenata de la granda plimulto el ni. Sed ne ĉiam estos tiel.

S-ro Prezidanto. — Tamen, S-ro Lafontaine, vi ne volas postuli, ke ni ĉiuj parolu Esperanton? (Ridoj.)

S-ro Lafontaine (raportanto). — Ne tio estas la afero, sed trovi rimedon por traduki en lingvon de ĉiuj kompreneblan la paroladojn pli malfrue farotajn ĉe la kunsidoj hispane, kiel jam estis petite, ruse aŭ eble ĉine. Tio estas la celo.

Ni ne petas decidon de vi, sed simple ekzamenon de la afero. La deziresprimo estas redaktita tiamaniere, ke ĝi povas ricevi vian plenan kaj

unuaniman konsenton. Ĝi postulas de vi neniun principan deklaron aŭ aliĝon al definitiva rezolucio.

S-ro Prezidanto. — Traduko en Esperanto! (Ridoj.)

**La interpretisto ektradukas Esperante (aplaŭdoj).**

S-ro Prezidanto. — Sufiĉe! haltu, nun angle, mi petas!

S-ro Hanotaux (Franca). — Same kiel proponis Lord Robert Cecil pri la tiel interesa demando por unuigo de internacia leĝaro, la Franca Delegitaro petas la kunsidon ankaŭ voĉdoni la sendiskutan prokraston pri la internacia lingvo.

La lingva demando, kies solvo montriĝas tre malfacila, ne estas nun matura.

Kion oni proponas fakte? Lernigi novan lingvon. Oni ne povas diri, ke la uzado de Esperanto estas tiel disvastigata en la tuta mondo, ke oni faciligus la nunajn kondiĉojn de diskutoj aŭ komunikoj internaciaj se oni decidus enketon aŭ alprenus deziresprimon pri tiu tre speciala lingvo, kiun konas nur kelknombro da specialistoj kaj certe neniu popolo en la mondo.

Antaŭ kelkaj tagoj ni malakceptis kun bedaŭro la hispanan lingvon, kiun parolas granda kvanto da homoj. Ĉiuj hodiaŭ ni lernigos specialan lingvon, kies estontan universalecon aldisputas ankaŭ aliaj artefaritaj lingvoj de neniu konataj?

Tiaj studoj forprenus nin de nia celo, kaj mi sekve petas, ke ni ne ekkuru malprudente sur tiu vojo. Ĉiuokaze, permesu al membro de la Franca Akademio postuli antaŭ vi la honoron al lingvo, kiu havas sian historion, sian belecon, kiu estis uzata de tre grandaj verkistoj, kiu estas konata en la tuta mondo, kiu estis admirinda vastigilo de ideoj kaj kiu rajtas defendi sian postenon antaŭ la novaj kreaĵoj, kies eble nur malproksima estonteco vidos la progresojn. (Aplaŭdoj.)

S-ro Prezidanto. — Traduko angle! **Interpretisto tradukas.**

S-ro Prezidanto. — S-ro Hanotaux petas, ke ni voĉdonu pri sendiskuta prokrasto. S-roj, kiuj konsentas kun tio, bonvolu stariĝi!

**S-ro Hanotaux sole leviĝas.**

S-ro Prezidantoj. — S-roj, Vi kredeble ne komprenis min **(ridoj)**, Vi aŭdis la proponon de S-ro Hanotaux, nome, ke ni prokrastu la tutan demandon. Bonvolu stariĝi se vi konsentas!

**Kelkaj delegitoj leviĝas kun S-ro Hanotaux (eble naŭ).** (2)

S-ro Prezidanto. — Nun bonvolu sidiĝi, kaj tiuj, kiuj kontraŭopinias bonvolu stariĝi!

**Kelkaj delegitoj leviĝas, interalie Lord Robert Cecil kaj la itala ĉefdelegito (eble ses).**

S-ro Prezidanto. — Mi deklaras la prokraston decidita. Ni nun ekdiskutu la lastan aferon de la tagordo.

(El «Esperanto», N-ro 245. Jan. 1921.)

---

(2) La rimarkoj presitaj dike estas niaj. (Red.)

# La Komerca ĉambro de Paris akceptis rezolucion por Esperanto

La Grupo Esperantista de Paris petis de la loka Kamerca Ĉambro subtenon por la propagando de Esperanto, nome per instruado de ĉi tiu lingvo en la komercaj lernejoj de Paris. La K. Ĉ. komisiis, por pristudi la aferon, sian komisionon por Instruado, kiu funde esploris la tutan demandon. La raportisto de la komisiono, S-ro André Baudet, verkis pri tiu laboro plenan raporton, kiu estis unuanime akceptita de la Komerca Ĉambro, la 9an de februaro 1921a, kaj kiu konkludas per jena pratika rezolucio:

«Konsiderante, ke la interrilatoj de la tuta mondo estus tre faciligataj per la uzado de helplingvo internacia;

Konsiderante, ke neniel povus esti demando pri malutilo al la naciaj lingvoj kaj, speciale, al la franca lingvo, kies literaturo, intime ligita al nia historio, estas riĉa je nepereeblaj ĉefverkoj;

Konsiderante, ke la helplingvo devas, kontraŭe, esti enkondukata kvazaŭ Kodo internacia de lingvo, servanta kiel interpretisto inter la nacioj, kaj devas tial esti lernebla per studo facila kaj rapida;

Konsiderante, ke Esperanto ŝajnas posedi la dezirindajn kvalitojn de klareco kaj de metoda simpleco, tiel koncerne la elparoladon kiel la gramatikon, la vortaron kaj la riĉecon je esprimoj,

La Komerca Ĉambro de Paris,

1. Decidas enkonduki la fakultativan instruadon de Esperanto en la komercaj lernejoj;
2. Esprimas la deziron, ke tiu ĉi instruado estu ĝeneraligata en Francujo kaj en la eksterlando, kaj ke la komercaj ĉambroj de ĉiuj landoj, zorgemaj plifaciligi la komercajn interrilatojn, favoru la rapidan disvastigadon de la internacia helplingvo.»

Plie, la Ĉambro decidis apogi la klopodojn de la Pariza Grupo Esperantista kaj dediĉi al tiu grupo helpmonon de 500 frankoj.

Sendube tiu nova sukceso tre multe helpos al la propagando por nia lingvo en la tuta mondo.

Antaŭen!

---

## ESPERANTO UZATA

Por diversaj celoj Esperanto estas nun uzata de multe da organizaĵoj. Ni ne parolos pri la multnombraj komercaj kaj industriaj firmoj kiuj komprenis la utilecon de nia efika internacia interkomprenilo.

Ni volas speciale atentigi niajn legantojn pri la daŭra propagando kiun faris por si la komercaj foiroj en Padova, Helsinki, Lyon, Reichenberg, Leipzig, Frankfurt, Breslaŭ, Barcelona, Basel, Budapest, Paris, Praha, Utrecht, Trieste, Lisboa.

Ni havas antaŭ ni ĵus ricevitajn bele eldonitajn invitojn, prospektojn en Praha (28 feb.-8 Marto), Leipzig (6-12 Marto), de la 4a Internacia Foiro de Frankfurt (10-16 Aprilo) kaj de la Internacia Specimena Foiro en Padova (Junio 1921). Tiuj propagandiloj estas ĉiuj senpage haveblaj.

La 2a Komerca Foiro de Bruselo okazos de la 4a gis la 20a de Aprilo 1921. Ni ne scias ĉu la organizantoj de tiu grava entrepreno jam pensis al la uzado de nia lingvo.

Aliaj komercaj organizaĵoj ankaŭ akceptis kaj daŭre uzas Esperanton i. a.: La «Musée Commercial Universel», konstanta Ekspozicio komerca en Parizo, kiu eldonas ĉiusemajnan gazeton «Le Négoce»,kaj la Hungara komerca Revuo «Meza Danubo» (ĉiusemajna), kiu enhavas tekstojn en nia Lingvo.

Por apartaj celoj ni pli evidas, ke Esperanto estas uzata, ekz.: de la Hungara Landestraro por defendi siajn interesojn, de la Laborkomuno de la katolika organizajo por Gloggitz (malsupra Austrujo) por sama celo, de speciala komitato starigita en Bern (Svisujo) por helpo al la plej maljuna Rusa verkisto P. D. Boborykin, k. c.

DELGARBO.

# NUNAĴOJ

La Societo de la Nacioj decidis, ke por observi la popolan voĉdonadon en la provinco de «Vilna» oni tien sendos armeon kunmetitan de anglaj, francaj, belgaj, hispanaj, danaj, holandaj, svedaj, kaj norvegaj taĉmentoj. Tiuj ĉi estos komandataj de la franca regimentestro Chardigny.

La ĉiutagaj gazetoj, kiuj raportas tiun decidon, demandas sin kia lingvo estos uzata por la komandoj.

Inter mil aliaj aferoj, tio montras la necesecon de Esperanto, helpa lingvo, kiun flanke de sia nacia lingvo ĉiu homo devus koni kaj uzi por siaj interrilatoj kun alilandanoj.

Pri tiu neceseco de Esperanto ĉiu konsentas. La kontraŭdiro venas nur, kiam oni konsilas al iu, ke li lernu Esperanton. Plej ofte oni ricevas jenan respondon:

— Tio ne povas utili nun al mi; pli malfrue, kiam tiu lingvo estos konata de ĉiuj, ĝi povos doni profitojn. Sed nun ... ? Mi atendos ?

Rifuti tiun kontraŭdiron, kiu grave malhelpas al la propagando estas devo por ĉiuj esperantistoj, precipe por tiuj, kiuj povas aliri la oficejojn de gazetoj ĉiutagaj, ĉiusemajnaj aŭ ĉiumonataj, politikaj, profesiaj aŭ literaturaj.

Jam ne mankas la pruvoj, ke Esperanto povas utili de nun al la komercistoj, industriistoj, scienculoj, k. c.

Al ĉiuj aliaj, se ĝi ne donas tuje materialan profiton, oni povas certigi ke ĝi havigos almenaŭ tre ŝatindajn spiritajn plezurojn, kaj tre korajn internaciajn rilatojn. Esperanto estas interkomunikilo mirinde paciga, amikega, fratiga.

Alian pruvon pri la tuja neceseco de Esperanto donas al ni la «Societo de la Nacioj». Tie ankaŭ la «demando pri la lingvoj» estas grava malhelpo al bona interkonsento.

La lingvoj franca kaj angla estas samegale alprenitaj kiel oficialaj; sed ĉiuj aliaj estas forigitaj.

En sia kunsido de la 30a de Novembro la «Societo de la Nacioj» forĵetis la peton de Hispanujo pri lingvo hispana. Oni respondis, ke l'alpreno de multaj lingvoj naskus konfuzon kaj kontraŭstarus la debaton.

Tio estas facile komprenebla; sed tiu decido lokas ĉiujn naciojn en nejustan malsuperecon kontraŭ Francujo kaj Britujo.

La solvo de tiu malfacilaĵo estas simpla: Alpreno de Esperanto kiel oficiala lingvo de la «Societo de la Nacioj». Tio forigus ĉiun maljustaĵon kaj malkonfidemon.

D-ro A. MELIN.

---

# BIBLIOGRAFIO

VIVO DE ZAMENHOF, originale verkita de EDMOND PRIVAT. — Volumo Ia de la «Libraro Bolingbroke-Mudie», eldonita de Brita Esperanto-Asocio, 17 Hart street, London W. C. 1., 208 paĝoj, 19 ½ × 14 cm. Prezo: 3 ŝilingoj.

Mi estas feliĉa pro tio, ke mi povas malfermi nian bibliografian kronikon per la anonco de ĉi tiu rimarkinda verko, kiu konigas al ni la idealan vivon de nia bedaŭregata Majstro. Ĝi estas valorplena dokumento por la historio de Esperantismo. La verkisto emociige priskribas, kiel la interna ideo homarama naskis nian lingvon kaj kiel tiujn ĉi ambaŭ kunvivis kun la kreinto de nia movado.

Jen la titoloj de la 12 ĉapitroj de la libro: La Gentoj en Litva Lando — Infano en Bjalistok — Gimnaziano en Varsovio — Studentaj jaroj — Doktoro Esperanto — Idealista Profeto — Homarano — Kongresaj Paroladoj — Lingvisto — Verkisto — Etika Pensulo — Homo ĉe Morto, en kiuj la aŭtoro sinsekve pritraktas la diversajn fazojn de la Zamenhofaj vivo kaj idealo.

Pri la lingvo uzata, la stilo, ne decas ke ni parolu: la nomo nur de nia samideano Privat liveras plej plenan garantion pri tio.

Mi esprimas la deziron kaj la esperon, ke baldaŭ ĉiuj Esperantistoj posedu aŭ almenaŭ legu la bonegan, bele ilustritan libron. Tiele ili konos la evoluon de la intima penso de geniulo kaj la vivon de simpla, sed vere homa homo.

FR. DELGARBO.

«Nia Folieto», kiu memvole ĉesis sian eliradon favore al B. E., estis ricevinta, lastatempe diversajn Esperantistajn verkojn.

Ni citu **LA SONGO DE SOMERMEZA NOKTO**, la glorian fantazian komedion de Shakespeare,kiun tradukis kiun grandega talento nia angla samideanino Louise BRIGGS.

La versoj de tiu traduko memorigas ofte al tiuj de Hamlet, de D-ro Zamenhof. Ŝajnas al mi, ke ni ne povas fari pli grandan laŭdon de tiu lerta kaj bela traduko.

De la sama aŭtorino **CINDRULINO KAJ ALIAJ TEATRAJETOJ POR LA INFANOJ.** En korekta kaj delikata lingvo, nia samideanino transverkis por teatra ludado de infanoj, kelkajn el la plej belaj feaj rakontetoj kiuj ĉarmis niajn infanajn jarojn : **CINDRULINO, NEĜBLANKULINO, LA DORMANTA BELULINO, LA BELULINO KAJ LA BESTO,** krom du monologetoj. Jen estas unu el la plej belaj libretoj de nia Esperantista tutmonda literaturo. Estas veraj perletoj, kiuj estas bonega materialo por propagandi kaj amigi Esperanton de la gemalgranduletoj kaj sekve de ties parencoj kaj amikoj.

L. COGEN.

---

# DIVERSAJ KOMUNIKOJ

INTERNACIA PROPAGANDO INTER UNIVERSITATAJ STUDENTOJ. — La ĉiusemajna gazeto «Gand - Université», organo de la «Association Générale neutre des Etudiants» (Generala neŭtra Asocio de la Sudentoj), dezirus malfermi, per Esperanto, Internacian Rubrikon. Necesas pro tio ke almenaŭ unu student-in-o el ĉiu Universitato konsentu sendi regule ĉiumonate raporton pri la studenta vivo ĉe tiuj Universitatoj (societoj, festoj, ekskursoj, vizitoj, specialaj organizaĵoj, okazintaĵoj, k. c.). Reciproke raporto pri la Genta Studentaro estos sendata al ĉiuj gekorespondantoj.

La unua numero de la jaro 1920-21 (19an de Oktobro) enhavis poresperantan artikolon. Dependas nun de la nombre da respondoj al la ĉi supra peto, ke Esperanta raporto aperu en «Gand-Université».

Por plifirmigi la rilatojn inter la ĉiulandaj studentaj organizaĵoj, «G. - U.» proponas ke ĉiuj studentaj gazetoj faru same, kaj plie sendu al ĝi 2 (du) ekzemplerojn de tiuj organoj, (ĉu esperantaj, ĉu nacilingvaj), interŝanĝe. Ĉu ekzistas en via lando: Nacia Studenta Asocio aŭ io simila? Ĉiuj korespondaĵoj kaj interŝanĝaj sendaĵoj estu adresataj: (Belgujo Gand - Université — Hendricx V., — Studento, rue du Saumon, 43, Gand).

Gestudentoj Universitataj nepre skribu.

Gelegantoj konigu nian peton al viaj gekonatuloj-studentoj.

---

La UNIVERSALA FRAMASONA LIGO restariĝis dum la Universala Kongreso en Haag, kun celo studi la plej bonan manieron por propagandi Esperanton inter la Framasonaro éiulanda. Povas esti membro de U. F. L. ĉiu framasono aŭ framasonino, de kiu ajn Gr. O. Gr. L. aŭ Ordeno li aŭ ŝi estas. Granda kaj laborhava kunveno okazos en Praha dum la proksima Universala Kongreso de Esperanto.

---

La INTERNACIO KATOLIKA (Ika), fondita dum la Internacia katolika kongreso en Hago, aŭgusto 1920, benita de Lia Papa Moŝto, kun grandega sukceso uzadas Esperanton kiel sian oficialan lingvon internacian. En pli ol 20 ŝtatoj Ika havas naciajn direktorojn, en aliaj reprezentantojn. La tuta internacia organiza kaj interkomunika laboro fariĝas nur en Esperanto. Ne mankas tendenco, kiu volas forigi nian helplingvon el la internacia katolika movado; Honora devo por ĉiuj samkredanoj estas tuj almembriĝi al Ika.

UNIVERSALA INTERNACIA KATOLIKA KONGRESO 7. — 11 AUGUSTO 1921 EN GRAZ, AUSTRUJO. — Tuj post la fino de la universala kongreso en Praha okazos en Graz, Austrujo, la internacia katolika kongreso 8-12an Augusto 1921. Krom la ĝenerala problemo de la nuntempa internacia agado pritraktota dum la ĝenerala parto de la kongreso oni intencas aranĝi specialajn konferencojn por la diversaj fakoj de la vivo katolika ekz. por la junula, studanta, virina, laborista, porpaca, esperanta k. t. p. movado. La organiza kongreskomitato invitas kore ĉiujn samkredanojn al multnombra partoprenado.

INTERNACIA KATOLIKA PORPACA KONFERENCO. 7.-11. AUGUSTO 1921 EN GRAZ, AUSTRUJO. — Okaze de la universala kongreso katolika en Graz, aranĝata per la Internacio Katolika (Ika) 7.-11. Augusto 1921, okazos internacia katolika porpaca konferenco por pritrakti la problemon kaj tutmondan organizon de la internacia katolika porpaca movado. La prepara komitato starigis tuj internacian komitaton por montri la absolutan politikan neŭtralecon, kaj invitis ĉiujn geamikojn de la katolika porpaca movado al bonvola partoprenado.

Ĉiujn informojn pri la 3 ĉi-supraj organizaĵoj donas la organiza kongreskomitato Graz, Karmeliterplatz, 5, Austrujo.

---

# KORESPONDA FAKO

(Enpreso de malgranda enonco kostas Fr. 1.— aŭ 4 respondkuponojn.)

Deziras korespondi: S-ro Zoltano Jenyes, Dob. u. II, Budapest VII, (poŝtm.)

S-ro Gyongyösi Odön, Zlaté Moravce, Slovensko (poŝtkartoj).

S-ro Franz Röhrig, Schloss-str., 6, III, Frankfurt a.M., Westf., — (poŝtkartoj).

Kolektanoj, interŝanĝistoj: enskribigu vin en Internacia Klubo «Cie Pasas» Jarabono Fr. 4. —. Aperas ĉiumonate en sep lingvoj. Adreso: S-ro R. Forrer, 22, Chaussée de Forest, Bruselo (Belgl.). «Ĉ. P.» deziras kunlaborantojn en ĉiuj landoj.

Interŝanĝo senpaga per «Mondjunulara Ligo», Calvinstr., 23, Berlin, N. W. 52.

S-ro Harry Busch, stud. med., Elisabeti tän. N-ro 17, Tartu-Dorpat, (Estonio).

S-ro Franz Albrecht, instruisto, Liebotitz apud Kaaden (Ĉehoslov.).

## Al la Abonintoj de " Nia Folieto " por 1920-21

Ĉar B. E. nun aperas, N. F. malaperas kiel dirite. Por la tria jaro de N. F. eliris nur unu kaj lasta numero de ĝi. Ĉar jam kelkaj abonintoj repagis ni faris por ili jenan interkonsenton:

Ĉiuj enlandaj abonantoj, kiuj pagis al ni Fr. 2.— por la jaro 1920-21, ricevos la 3 unuajn numerojn de B. E. Se ili deziras aboni B. E. por la tuta jaro, ili estos konsiderataj kiel grupaj abonantoj, se ili pagas pere de N. F. Fr. 5.50 pliajn. Por faciligi la laboron, oni uzu la poŝtĉekkonton de la redaktinto de N. F., S-ro V. Hendricx, Gent, N-ro 30959. Oni petu ĉe poŝtoficejo deponilon (stortingsbulletijn-bulletin de versement), kiu kostas Fr. 0.11. Oni ĝin plenigu kaj skribu sur la dorsflanko; nomon, adreson kaj ĉi tiun frazon: Por aboni al B. E. per N. F. — Sendo de aparta letero ne estas necesa.

«Nia Folieto» ankoraŭ dankeme atestas ricevon de la sekvantaj gazetoj, envenintaj post ĝia lasta numero: Amerika Esperantisto, Argentina Esp., Brazila Esp., The British Esp., Bulgara Esp., Le Chrétien Libre, Esp. Finlando, Esp. Ligilo, Esp-ista Laboristo, Esperanto, Esp. Triumfonta, La Espero, Espero Katolika, Franca Esperantisto, Germana Esp., Gregg Shorthand Magazine, Hispana Esp., Holanda Pioniro, Internacia Komerca Revuo, kristana Espero, Laboro, Nederland-Esperanto, Nova Tempo, La Revuo Orienta, La Suda Kruco, Svisa Espero, La Vegetarano, La Verda Ombro, Verda Utopio.

---

## Sciencistoj en la 13ª Kongreso

Estas bezone, ke la sciencistoj — esperantistoj havu post longa tempo denove okazon pridiskuti gravajn temojn, kiuj interesas esperantismon egale grave kiel la sciencon. La 13. kongreso esto okazo por tio. Oni certe bone scias, ke la scienca progreso ne efektiviĝas dum sciencistaj kunvenoj, sed oni egale certe scias, ke oni multon profitas aŭskultante saĝajn raportojn pri la akiritaj sukcesoj kaj meditante dum la diskutado, kio nun estas farota kaj antigota. Tre grava, ĝojiga kaj instruema ĝuo estas en la dumkongresa kunveno aŭskulti raportojn pri la ĝis nun atingitaj rezultatoj en la esperanta faka scienca terminologio, kiujn prelegos fakuloj de koncernaj sciencoj. Mi organizos tiajn raportojn laŭ ĉiuj sciencoj kaj petas sinjorojn kolegojn pri afabla sciigo, pri kia scienca terminologio ili estus pretaj raporti (mi mem faros raporton pri la ĥemio). La raportoj eldonitaj poste en libro estos certe instrua lingva verko de esperanto.

Ĉiujn koncernajn proponojn bonvolu afable sendi (kun respondkupono aŭ neuzitaj poŝtmarkoj) al

**Dr. Stan. Kamaryt,**
profesoro de reallernejo en Bratislava,
Telocviĉa 3. Ĉeĥoslovakujo).